# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 4 (53) aŭgusto 2009*




*foto de A.Sochacki*

**en la numero**

*protokolo de la 24-a Konferenco de REU*

*prozaj kaj versaj impresoj pri TEMoj, UK, IJK, GelERT*

*reformoj aŭ natura evoluo de Esperanto*

*rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA*

*REK-26 – en Sankt-Peterburg maje 2010*

*novaj libroj de "Sezonoj"*

*"Bulteno de REU", novaĵoj, anekdoto kaj multo alia*

**Moskvo, 2009**

# enhavo





*Mikaelo Bronŝtejn ĉiam pretas...*


## REGo
**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

*№ 4 (53) aŭgusto 2009*

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2009:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 300 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

# TEMoj en Tiĥvin



***komuna foto***



***Tiĥvinaj geesperantistoj gratulas Mikaelon Bronŝtejn okaze de la jubileo***

**Rusia Esperantista Unio**

invitas patopreni en

# RUSIA ESPERANTISTA KONGRESO
# REK-26
## Sankt-Peterburgo, 27-31.05.2010

Antaŭ 100 jaroj (1910 j.) en Sankt-Peterburgo okazis unua Rusia Esperantista Kongreso, en kiu partoprenis kreinto de la lingvo Esperanto Ludoviko Zamenhof. Rusiaj esperantistoj celebros la jubileon per tradicia tutlanda kongreso en la dua rusia ĉefurbo kaj invitas gastojn el la tuta mondo.

Venu ĝui belegan urbon, ĝiajn muzeojn, teatrojn, katedralojn; promeni piede en parkoj kaj ŝipe sur kanaloj kaj rivero Neva; venu ekkoni rusan kulturon kaj trovi amikojn inter rusiaj esperantistoj!

La programo de la Kongreso estos varia kaj multflanka. Enkadre de la Kongreso okazos vica konferenco de REU, kunveno de REJM, prelegoj pri historio de Esperanto-movado en Rusio, pri interlingvistiko, pri lingvaj festivaloj. La kongresanoj spektos du teatraĵojn en Esperanto kaj kelkajn koncertojn. Estos abunda turisma programo.

Kontaktoj:

*ĝenerala ret-poŝta adreso (aliĝoj, loĝado, invitleteroj k.t.p.): <kongreso@reu.ru>*
*Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato – Anna Butkeviĉ <annaespero@mail.ru>*
*Pri kleriga programo - Anatolo Sidorov <anasido@gmail.com>*
*Pri movada programo – Vjaĉeslav Ivanov <amikeco@gmail.com>*
*Pri kultura programo – Jekaterina Maliŝeva <katerinasp@inbox.ru>*
*Pri turisma programo – Valeria Cvetkova <floro@mail.ru>*

*Plia informo kaj aliĝilo en http://reu.ru*







## TEMoj – IMPRESOJ DE LA ORGANIZANTOJ...

**Inga Krejson, lernantino**

Se oni demandus min, kun kio mi ligas la plej brilajn kaj feliĉajn momentojn de mia vivo, mi tuj respondus: “Kun la Esperanto-renkontiĝo”. Tian kvanton da inteligentaj, saĝaj, sinceraj homoj mi vidis nenie ĝis nun.

Ĉio okazis en la pitoreska bordo de Caricino Ozero (Carina Lago), apud Tiĥvin. La urbo akceptis esperantistojn jam ne la unuan fojon.

Dum mia konscia vivo mi la unuan fojon estis en tia renkontiĝo kaj ricevis amason da agrablaj, neforgeseblaj emocioj: perfekta vetero, pitoreska ĉirkaŭaĵo, interesaj programeroj ĉiutage, kaj ĉiumatene – paroligaj kursoj de Svetlana Smetanina, kiujn mi vizitadis kun plezuro.

La plej rimarkinda aranĝo de TEMoj estis por mi la benefico de Mikaelo Bronŝtejn, kiu, mi estas certa, plaĉis al ĉiuj venintoj. La koncerto rezultiĝis tre sukcesa, tre interesa; en ĝi partoprenis konataj esperantistoj – Evelina Sokolova, Andrej Obrezkov, mem Mikaelo Bronŝtejn, Mikaelo Lineckij, Vera Vlasova, Sergej Straŝnenko kaj aliaj, dank’ al kiuj ĉiu spektanto (ne nur esperantistoj, sed ankaŭ loĝantoj de Tiĥvin) dum du horoj spirhalte ĝuis brilajn poemojn, kantojn kaj muzikaĵojn.



*la inaŭguro, preskaŭ solena*

Por ĉiu tago estis preta horaro de diversaj aranĝoj, kiuj sekvis unu post la alia. Sed malfruvespere, post la lasta aranĝo, ĉiuj dezirantoj venadis en la kafejon por ripozi kaj kanti kun gitarakompano la kantojn pri la verda stelo, pri tio, ke ni ankoraŭ renkontiĝos...

Nerimarkeble, rapide forflugis la ses tagoj, kiuj lasis grandan spuron en mia koro. Tre kortuŝa estis la lasta adiaŭa vespero. Sed ĉio bona, bedaŭrinde, finiĝas tre rapide. Tamen la rememoroj restos kun mi por ĉiam, ankaŭ la espero, la certeco, ke ni renkontiĝos...

**Aleksandr Belov, entreprenisto**

De unu flanko estas oportune havi Esperanto-renkontiĝon hejme: eblas ŝpari monon por vojaĝo, sed de alia – organizantoj ne ĉiam povas trankvile partopreni en

la aranĝo, ĉar estas diversaj organizaj zorgoj. Ankaŭ mi ne havas plenan impreson pri TEMoj, sed tamen povas diri ke renkontiĝo estis sukcesa, malgraŭ kelkaj minusoj. Bona vetero, bela lago, interesa kompanio, riĉaj koncertoj, komuna kantado, ŝaŝlikumado, kafejo, interesa ekskurso, malnovaj amikoj kaj konatiĝo kun la novaj. Inter tiuj novaj por mi vera evento estis Artjom Palkin el Ĉajkovskij (Perma reg.) – unu el plej bonaj kantistoj en la tendaro, mi esperas ke li ne malaperos el Esperanto-movado.

Iom da statistiko. Entute estis 84 partoprenantoj (32 viroj kaj 52 virinoj) el 6 landoj kaj 30 lokoj: Tiĥvin – 15, Sankt-Peterburg – 11, Moskvo, Uljanovsk – po 7, Barnaul, Riga – po 5, Kievo – 4, Jekaterinburg, Tjumenj – po 3, Ĉeljbinsk, Ivanovo, Krasnojarsk, Francio – po 2 kaj el 16 lokoj po 1. Plej spertaj laŭ jaro de esperantiĝo estis: Renata Chassard – 1952, Valerija Cvetkova – 1956, Vladimir Samodaj – 1958.

**Tatjana Belova, la edzino de la entreprenisto**

Mia edzo estas ĉefa organizanto de la tradicia Tiĥvina maratono, kiu ĉi-jare okazis la 12-an de julio, ĝuste en la tago, kiam ekis TEMoj. Pro tio parton de organizaj aferoj, kiujn ni devis fari kune, mi prenis sur miajn ŝultrojn. Do mi okupiĝis pri registrado, enloĝigo, manĝkuponoj, ekskurso. Certe estis kelkaj eraroj – ne eraras tiu, kiu nenion faras, tamen mi esperas, ke ĉiuj restis kontentaj. Tre plaĉis al mi la ekskurso al Velikij Novgorod: la ĉiĉeronino, kiun mi mendis, tre interese rakontis pri ĉiuj vidindaĵoj de tiu bela kaj antikva urbo. Al du francinoj, kiuj ne scias la rusan, tradukis ĉion laŭvice kelkaj francparolantoj el nia grupo. Malgraŭ ke la programo de TEMoj estis tre riĉa, dezirantoj trovis tempon por konatiĝi ankaŭ kun Tiĥvin. Niaj ŝoforoj Vasja kaj Miŝa ĉiam estis pretaj veturigi homojn, renkontadis kaj akompanis ilin. Kaj nia familio sukcesis eĉ iomete plilongigi la renkontiĝon, ĉar ĉe ni post la fino gastis du niaj eksterlandaj amikoj.

**Viktor Kandalinskij, inĝeniero**

Unu el maloftaj por rusiaj E-renkontiĝoj (kvankam preskaŭ nepraj por la Universalaj Kongresoj) trajtoj de TEMoj estis funkcianta amatora radiostacio. Ĝi ebligis ĉiutagajn eterkontaktojn kun Wolf Krüger – prezidanto de ILERA (Internacia Ligo de Esperantistoj Radioamatoroj), kiu loĝas je du mil kilometroj for de Tiĥvin. Kaj multaj neesperantistaj radioamatoroj



*instruado de kantoj*

aŭdis Esperanton en la etero kaj estis informitaj ruslingve pri nia renkontiĝo kaj pri Esperanto dum radiokontaktoj.

**Mikaelo Bronŝtejn, manaĝero**

Tiĥvinaj Esperantistaj Metiejoj okazis! Sur digna nivelo, kvankam ĝis la lasta antaŭkomenca tago mi havis dubojn pri tio. La ideo, kiun naskis la kluba prezidanto Viktor Kandalinskij per malsingarda invito dum RET-07, antaŭ la realiĝo travivis multajn elprovojn. Necerteco pri loko, tempo, eĉ pri kvanto de partoprenontoj. Flankiĝo de REU-Estraro. Persona okupateco de la klubaj aktivuloj... Ĉion ĉi superis fervora, sindona laboro de Loka Organiza Teamo, akompanata de fidela kaj fidinda helpo de diversurbaj geamikoj. Koran dankon al ĉiuj-ĉiuj!

Plian personan dankon mi diru al ĉiuj TEM-anoj por varmaj gratuloj, lige kun mia alveno al la pensiula aĝo. Vere, tiu gratullavango – tiuj kantoj, dancoj, paroloj, kisoj, floroj – mildigis la ekkonscion de la veninta oldeco kaj donis inspiron por pluvivo kutima por mi – la krea.



*Vivo-Metiejo – Tatjana Loskutova*

Laŭ mi la plej grava rezulto estas jena: neniu el la TEM-anoj havis kaŭzon por gravaj plendoj. Ne trovis okupon en iu el la Metiejoj nur tiu, kiu ne serĉis. Kompreneble, ne ĉiuj Metiejoj estis aranĝitaj samnivele; verŝajne la plej sukcesaj estis Ludo-Metiejo kaj Vivo-Metiejo, kvankam inde pasis ankaŭ la Movada, Traduka, Vojaĝa... Ĉu ne la plej malsukcesa, mi eĉ diru fiaskinta, estis Sporta Metiejo – se ĉeestus pli-malpli fervora organizanto, lokaj kondiĉoj centprocente taŭgus por efektivigi aron da diversaj konkursoj... Pro manko de la dezirantoj ne okazis antaŭplanita ĈALK-ekzameno, sed ĉiuj dezirantoj sukcesis viziti la urbajn vidindaĵojn – faman monaĥejon kun la miraklofara ikono de Tiĥvina dipatrino kaj muzeon de Rimskij-Korsakov. La homoj entuziasme akceptis la tuttagan ekskurson al Velikij Novgorod, sed la propono pri ĉiutagaj vesperaj lignofajroj ne trovis specialan entuziasmon – parte pro kelkaj noktaj pluvegoj. Oni tamen ne havis plendojn ankaŭ pri la vetero – la tagoj estis milde varmaj, preskaŭ senpluvaj, kaj eĉ la famaj tiĥvinaj kuloj traktis la TEM-anojn kun estima kompato.

La vesperojn plenigis konvenaj koncertoj de niaj renomaj bardoj – Andrej Obrezkov, Mikaelo Povorin, Evelina Sokolova, Sergej Straŝnenko, kieva teamo,

gvidata de la karisma Mikaelo Lineckij. Sed ne mankis ankaŭ novaj talentoj, inter kiuj plej ŝatata de mi iĝis Jelena Birjukova el Kazaĥio.

Kaj fine – mi opinias, ke la metieja formo de enlanda somera aranĝo por esperantistoj, provita en Tiĥvin, kun iom da prilaboro kaj poluro estus tute taŭga por niaj estontaj renkontiĝoj.

**<u>Vera Vlasova, muzikinstruistino</u>**

Prepara laboro por Tiĥvinaj Esperanto-Metiejoj komenciĝis por mi delonge antaŭ eko de tiuj. Antaŭ ĉio mia maltrankvilo estis ligita kun la ĉefa aranĝo, pri kiu mi estis respondeca – la benefico de Mikaelo Bronŝtejn. Dank' al krea subteno kaj helpo de Mikaelo Lineckij pri scenaro de la arta programo, dank' al lia laboro kiel kungvidanto, la koncerto pasis en sufiĉe bona nivelo. Multaj miaj amikoj neesperantistaj emfazis altnivelan prezentadon de ĉiuj partoprenintoj de la koncerto. Raportisto de loka ĵurnalo "Divja", verkinta artikolon pri la benefico, tre ĝuste kaj korekte rakontis pri la signifo de Mikaelo Bronŝtejn por Esperanta kulturo.




*la TEM-anoj apud la urba kulturpalaco*

Certe, koncertoj de la partoprenantoj daŭris dum la tuta renkontiĝo en Tiĥvin. Ĉiuvespere okazis artaj renkontoj kun Esperanto-kantistoj – Andrej Obrezkov, Mikaelo Povorin, Evelina Sokolova, Sergej Straŝnenko kaj aliaj. Iliaj koncertoj pasis en tre varma amika atmosfero.

Mi esperas, ke la tiĥvina renkontiĝo por longe restos en la memoro kaj en koroj de ĉiuj partoprenintoj.

**<u>Natalja Rajskaja, deputithelpanto ĉe leningrada regiona Dumao</u>**

Somero, suno, ĉielo, pinaro kaj lago. Kaj amaso da homoj... kaj ekas speciala, neripetebla kaj mistera ago – la mistero de homa amika interkomunikiĝo. Ĉi tie – severaj, preskaŭ sciencaj seminarioj, fotoekspozicioj, filmoj kaj lumbildoj kun interesegaj komentoj pri vojaĝoj al ekzotikaj landoj, tradukistaj kaj lingvaj kursoj, prelegoj kaj teatraĵoj, aŭkcio, sed ĉefe – la muziko. Unika kaj neripetebla muziko de la lingvo, unuiginta nin.

Kiomfoje ni aŭdis tiujn ĉi nekomprenemajn demandojn: Esperanto – kio do estas tio, kiu ĝenerale bezonas tiun ĉi artefaritan lingvon, ĉu enestas tie ia praktika utilo? Oni povas, certe, ion klarigi longe kaj tede, pruvadi, diskuti, sed eblas

ankaŭ...

Simple kunvenigi la geamikojn kaj inviti la urbanojn al brila, neordinara kaj gaja festo. Kaj – sen vanaj vortoj kaj tro saĝaj teoriumadoj simple rakonti pri si, pri la amikaro kaj kolegoj, pri foraj vojaĝoj kaj landoj, kie ni estis... Kaj plukante gitarkordojn kanti la ŝatatajn kantojn, deklami poemojn, diri bonanimajn, varmajn vortojn en la gepatraj lingvoj kaj en la plej komprenebla por ĉi vespero lingvo Esperanto.

En la TEM-ejo ĉiu trovis okupon por sia plaĉo, sed ja estas konate: ĉiu ajn lingvo plej bone, plej brile, plej funde sin esprimas en la kantoj. Do ni kantis ĉiuvespere – solistoj kaj ensembloj, aŭtore kaj tradukite, pogrupe kaj ĉiuj kune – miraklajn, melodiriĉajn, vivoplenajn kantojn. Ili unuigas kaj amikigas nin.

Vere, Esperanto estas lingvo por amikoj kaj por kantoj!

## ... KAJ DE LA GASTOJ

**Arina Osipova (Jekaterinburg)**

Somero jam iom post iom finiĝas, kaj multaj el ni povas rakonti niajn impresojn pri diversaj E-aranĝoj. Iuj ekvolis viziti eksterlandon, aliaj decidis subteni samlandajn esperantistojn, sed plej fortunaj sukcesis partopreni eĉ kelkajn aranĝojn. Ĉi-somere mi apartenas al patriotoj, tial mi volonte veturis al Tiĥvin, kie la ĉarma loka teamo gvidite de Mikaelo Bronŝtejn organizis Tiĥvinajn Esperanto-Metiejojn (TEMoj). Kaj de tago al tago kreskis mia amo al Esperanto, al homoj, kiuj min ĉirkaŭis.



*la "pioniroj" venis por gratuli "onklon Miĉjo"*

La 1-a tago. Tago de adaptado. Tre frua alveno, tro peza valizo, dormemo dum la tuta tago... Iuj nekonataj homoj, sed estas espero, ke iomete poste venos ĉiuj E-amikoj.

La 2-a tago. Malgranda maltrankvileco, ĉar preskaŭ ne estas gejunuloj, nur spertaj-spertaj esperantistoj, pri multaj el kiuj mi nur aŭdis aŭ legis. Kaj M.Bronŝtejn krom tio petis min esti unu el tiuj, kiuj gvidis vivo-metiejojn. Mia Dio, necesas paroli kun tiuj nekonataj por mi, tamen famaj esperantistoj.

La 3-a tago. Evidentiĝis, ke ĉiuj tiuj homoj estas bonegaj. Eĉ fojfoje kun ili estas pli interese kaj amuze babili ol kun gejunuloj. Mi jam ŝategas ilin.

La 4-a tago. La jubileo de Mikaelo Bronŝtejn. Tre kortuŝa festo estis organizita por li. Okazis urba benefico de nia kara amiko. Mi sentis min en granda amika fa-

milio, kie ĉiuj amas unu la alian, kie ĝenerale ne ekzistas kvereloj, ni eĉ ne scias tiun vortaĉon. Ĉio estis ĉarma kaj bela.

La 5-a tago. Komuna ekskurso al Velikij Novgorod. Tamen post la nokta aktiva festado de la jubileo estis ege malfacile vekiĝi. Sed niaj penadoj ne estis vanaj. Kiam, ekzemple ni, uralanoj, povus vidi belecon de la urbo? Necesus speciale veni al V.Novgorod...

La 6-a tago. Nu jen... komenciĝis... Mi nur enamiĝis al ĉiuj partoprenantoj kaj jam necesas adiaŭi. Nu, kaj kie estas justeco? Tamen matena komuna fotado kun komuna veko de la amegata Garik estis sufiĉe amuza afero.

La 7-a tago. Tago de amikaj rondoj. Malgaje... Triste... Eĉ dum nia lasta komuna kantado ĉiuj kantas nur adiaŭajn kantojn. Kaj tiuj eternaj vortoj de amikoj: "Per Esperanto por mondpaco..." Kaj poste brakumoj, malgajaj ridetoj kaj espero en la plorantaj okuloj, ke ni nepre renkontiĝos, ĉar alie simple ne povas esti!!!



*orienta E-fabelo estis prezentita de la diversurba grupo*

**Rimma Roganova**
**(Ĉusovoj, Perma reg.)**

Dum 10 jaroj (ekde OkSEJT en 1999) mi revis denove trafi al tiu ĉarma loko ĉe Carina Lago apud Tiĥvin. Proksimiĝis la tempo somera, mi prenis la Adresaron de RET-07 en Primorsko-Aĥtarsk, trovis tie la tiĥvinanojn kaj telefonis al la fama maratonisto Saŝa Belov. Iom poste venis retmesaĝo: "Bonvolu veni, ne timu – oni vin renkontos." Kaj jen, la 13-an de julio je la dua kaj duono nokte mia trajno "Niĵnij Tagil – Sankt-Peterburg" atingis la tiĥvinan stacidomon. Mi elvagoniĝas, nekonata viro salutas min, prenas mian valizon kaj invitas en la aŭton. Tio estis Vasilij Baraŝkov – poste, jam en la bazejo, mi vidis kiom multe da fojoj li faris la samon – renkontis noktajn (kaj ne nur) trajnojn. La daŭrigo estis ne malpli agrabla: en la bazejo min renkontis juna ĉarma Inga Krejson kaj tuj akompanis al mia dormoĉambro.

Kaj... ekruliĝis tago post tago. Ekde la 6-a matene mi gimnastikis, naĝis, matenmanĝis, ekde la 10-a ĝis malfrua nokto – partoprenis en la diversaj eroj de TEMoj (Tiĥvinaj E-Metiejoj): prelegoj, koncertoj, ekspozicioj, diskutoj, kantadoj, librobutiko k.t.p. Tre plaĉis al mi "Viva metiejo", enkadre de kiu pri sia vivo kaj E-agado rakontis spertaj samideanoj, konataj ne nur en Rusio, – Mikaelo Lineckij, Vladimir Minin, Tatjana Loskutova, Sergej Straŝnenko, Evelina Sokolova kaj aliaj. Precipe tuŝis mian animon la rakonto de Vladimir Samodaj pri liaj infanjaroj dum la Dua mondmilito, ĉar preskaŭ la samon spertis mia pli aĝa frato (bedaŭrinde jam

forpasinta), kiu naskiĝis samjare, kreskis en multinfana familio kaj fariĝis maristo.

Tre plaĉis al mi ankaŭ la vespero – Benefico de Mikaelo Bronŝtejn, dediĉita al lia 60-jariĝo. La Benefico okazis en la urba kulturpalaco, en ĝi partoprenis ne nur la esperantistoj, sed ankaŭ tiĥvinaj amikoj de Mikaelo, reprezentantoj de urbaj instancoj, artistoj, poetoj k.t.p.

Finante mian mallongan rakonton pri TEMoj, mi volas ankoraŭfoje danki la tiĥvinajn esperantistojn pro la donacita de ili septaga festo!

**Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)**

## Alveturo

Estas varme milda eĉ tristo
Sub la verde alvoka stel'.
Renkontiĝas esperantisto
Kun amikoj kaj nova bel'.
Ĉesu treti ĉiu kaj ĉio,
Malaperu angora prem',
Ĉetiĥvina Esperantio
Jam salutas je l' siglo TEM.
Jen vizaĝoj dolĉe konataj
En muziko de ĝoja ĥor'.
Je fabel' pri veloj skarlataj
Emas kredi ravita kor'.
Nekonatoj hele ridetas,
Lum' radias al ĉiu ŝton',
Kaj tremanta voĉo jam pretas
Tuj ekkanti pri ia bon'.
Vivu ĝojo, kantu espero
Pri la lingve juniga kun'!
Eĉ en pluva morna vetero
En la koro plu brilu sun'.
Verdu arboj, revo kaj kanto
Super ĉiu tiĥvina roj'.
Prama vojo[1] al Esperanto –
Vasta pramo kaj vasta voj'!



*Rustam Karapetjan, Evelina Sokolova, ilia filo Jan kaj Andrej Obrezkov*



*la Smiŝlajev-familio el Riga: Aleksej, Saŝa, Vika kaj Alisa*

## La lago Caricino matene

Ne skuate de ventaj blovtordoj,
Sen suferi kruelan sunbrulon
La arbara verdeg' de sur bordoj
Sin rigardas en l' akvospegulon.

[1] Laŭ kelkaj teorioj la vorto "Tiĥvin" devenas de la vortoj "tiĥ" (vojo) kaj "vin" (pramo) el la lingvo de antikvaj estoj.

Spiras densa verdaĵ' bonazile,
Vokas ĝia saniga regalo.
Lagduonon, lumantan palbrile,
Kvazaŭ kovris lakteca vualo.
Helas lago, altegas pinaro,
Venas tag' je l' feliĉa aŭguro –
La paciga somermalavaro
De l' tiĥvina hejmeca naturo.



*Gennadij Jaskov reaperis en la Esperantujo*

### Fine de la tendaro

Birdoj de l' pura, freŝa medio –
Regno de ĝojo kaj malavar'.
Loge serena Esperantio –
Lago, rivero, suno, arbar'.
Samideane ĝuas la koro
En rejunige rava liber'.
Venu denove lum' de favoro –
Lago, verdaĵo, varmo, somer'.
Neordinare helaj vizaĝoj,
Kore subteni emo kaj pret'
Super oficoj, urboj kaj aĝoj –
Lago, juneco, kanto, ridet'.
Spiras bonvole ĉiu angulo
Sub kamarade paca ĉiel'.
Esperantista kara insulo –
Lago, amikoj, festo, fabel'.

* * *

Pinoj kaj floroj.
Blua river'.
Gajaj koloroj.
Bongusta aer'.
Kanto de graco.
Varma agord'.
Lingvo de paco.
Bonvola konkord'.
Rava muziko.
Ĝojo sen lim'.
Kara amiko.
Vivem' en anim'.
June parolas
Verdolingvi'.
Arde mi volas
Reveni al vi!



*Amika Rondo por Mikaelo Lineckij, Natalja Ivanova kaj Jevgenija Slovaĉevskaja*

## IMPRESOJ PRI UK EN BJALISTOKO

Mi pensas, ke la UK en Bjalistoko estis sufiĉe familieca. Por la unua fojo mi vojaĝis eksterlanden per taksio. Bedaŭrinde ne de Moskvo, sed de la belorusa Grodno (kiun ni atingis de Moskvo trajne) – 100 km dum 2,5 horoj. Do, de pordo al pordo. Same por la unua fojo mi loĝis en studenta domo (komunloĝejo) tri minutojn piede de la Kongresejo, kiu troviĝis en la Politeknika universitato. Fakte – trans herbejo.

Ankaŭ plej agrable estis sperti tre "humanajn" prezojn de Bjalistoko kaj de Grodno (ĉe reveno) kontraste kun Moskvo. Por komprenigi mi diru, ke biero en kafejo de Bjalistoko (la fama pola "Lech") aŭ Grodno kostas proksimume same kiel simila biero ("Baltika-3") en Moskvo, sed en ordinara vendejo.

Krom la ofte vizitanta UK-ojn L.C.Zaleski-Zamenhof, nepo de LLZ, venis ankaŭ posteuloj de Antoni Grabowski, la unua esperantisto, kiu parolis kun Zamenhof, kaj "patro de Esperanto-poezio". La nepo Anthony Kruszewski, loĝanta en Usono, konfirmis, ke la avo dum 11 jaroj loĝis en Ivanovo-Voznesensk, kie eĉ naskiĝis lia patrino (do, filino de A.G.). Estis ankaŭ pranepo Boguslav (laŭ alia branĉo) el Varsovio kun sia filino.



*la podio dum la Solena Inaŭguro: parolas LKK-prezidanto Aleksander Sosna, sidas UEA-Estraro, honoraj gastoj kaj reprezentantoj de la landoj (fotis A.Sochacki)*

De alia flanko, neniu el la nunaj varsoviaj politikistoj vizitis UK-on, nur la urbestro (eĉ la guberniestraro forestis). Tamen ĉeestis du eksaj politikistoj: parlamenta prezidanto Roman Malinowski, kiu malfermis la jubilean UK en Varsovio en 1987, kaj la eksa ĉefministro Włodzimierz Cimoszewicz, nun senatano. Tio tre strangas kaj neniel klarigeblas. Ja LLZ estas konsiderata poldevena. Ĉu ne? Kaj estis tute kompreneble atendi personan saluton de la plej altaj polaj ŝtataj gvidantoj, kiel estis en 1987.

Tamen la gvidanto de la nuna LKK estis vicurbestro (pri ekologio), laŭ nacieco – beloruso (kiuj abundas tie), kiu tre bone parolas la rusan. Li eĉ prezentis sin al mi rusmaniere kiel Aleksandr Grigorjeviĉ Sosna.

El alilandaj diplomatoj venis nur ukrainia konsulino el Gdansk. La rusiaj diplomatoj, malgraŭ nia longa traktado kun MID en Moskvo, tute ne aperis, sen ajna klarigo. Eĉ malgraŭ ke iliaj kolegoj/ĉefoj de la pola fako en MID rekomendis (evidente ne ordonis) veturi al Bjalistoko. Estas elokventa ekzemplo pri tio, ke (niaj) ŝtatoficistoj bezonas fortegan instigon ("pendelj") por ien moviĝi sed ne sidi sur



*Valentin Seguru kun la nepo kaj pranepo de Antoni Grabowski (foto de V.Seguru)*

propraj postaĵoj.

Pri la kunsidoj de la Komitato de UEA, kiujn mi partoprenis. Kiel plej grava decido, laŭ mi, estis akcepto de nova "jubilea" landa asocio – Mongola Esperanto-Societo, kiel la 70-a. Des pli grave, ĉar sekvajare en Mongolio okazos la vica Azia Esperanto-kongreso. Ĝin partoprenos ankaŭ karavano el Eŭropo, kiun kunordigas (la duan fojon post UK en Jokohamo) Tatjana Loskutova el Ivanovo.

Plej interesa por mi estis partopreno en la fermita kunsido de KAEM – Komisiono de UEA por Azia agado. Komence oni ne volis min akcepti, ĉar ni, Rusio, – ne estas Azio. Mi replikis, ke antaŭe mi skribis al EEU (Eŭropa Esperanto-Unio) kun propono pri kunlaboro, sed ili respondis, ke EEU kunlaboras nur kun la landaj asocioj de Eŭropa Unio, sekve ne de la tuta Eŭropo. Laŭ afabla propono de s-ino Tahira Masako el Japanio mi tamen estis akceptita kiel observanto. Politiko enmiksiĝis ankaŭ en la laboron de KAEM. Ekzemple, la asocioj de Honkongo kaj Tajvano pro la protestoj de la ĉinaj reprezentantoj ne estis akceptitaj en KAEM kiel apartaj landaj asocioj, sed nur kiel partoj de Ĉinio.

El niaj samlandanoj ĝojigis min renkonti du malnovajn aktivulinojn de sovetia E-movado: Natalja Ŝoroĥova el Moskvo kaj Sofija Soskina el Ivanovo, delonge loĝanta en Usono.

Aparte forte impresis min revidi post kelkaj jaroj la jam maljuniĝintan sed same energian Zofia Banet-Fornalova el Varsovio – unu el la plej kompetentaj historiistoj de E-movado.



*partoprenintoj de la infana kongreseto salutas dum la Solena Fermo*

Dum UK mi disdonis preskaŭ milon da flugfolioj kun invito al REK – Rusia Esperanto-Kongreso en Sankt-Peterburg maje

2010. La invito estis bone akceptita de la partoprenantoj – multaj eĉ imagis, ke temas pri UK en Rusio. Sekve, oni povas esperi pri pluraj diverslandaj alvenontoj al REK-26 en 2010.

***Valentin Seguru (Moskvo)***

---

## Kotletoj kaj muŝoj de UK-94

Esperantistoj venis en amas', do
tra l' tuta mondo iris forta vok'!
Pro l' cent kvindeka datreven' de l' Majstro
la UK-on nun gastigis Bjalistok'.

Ruliĝas plu l' eterna temporado,
eventojn dissolvante en eter',
sed la iamaj vortoj: "Kado, kado!"
plu ŝvebas en la urba atmosfer',
venintaj kvazaŭ el domet' apuda,
savitaj de l' detrua homdestin' –
iam l' urbeto estis preskaŭ juda –
nun restas kelkaj. Eble kvar aŭ kvin...



*amikeca vespera kunveno por kantoj kaj babiloj*

La tempo ja instruas nin pri io, –
ne ĉiujn, – sed ne estas katastrof',
ĉar en la Bjalistoka historio
plu famas Ludoviko Zamenhof.
Kredindas ke ne nur por nia festo
la verdaj flagoj flirtas en aer',
parolas esperante la urbestro,
ŝoforo, ĉiĉerono kaj kelner'.
Verdstelan kukon frandas kun kuraĝo
mi en kafejo sub la verda stel',
kaj en butik' sub ŝildo "Glaciaĵo"
prenas porcion da freŝiga gel'...



*Sofija Soskina kaj Natalja Ŝoroĥova*

Apudas kongresejo. Jen amendo
en kapon mian venas kun deklar':
Por ĉefeventoj servas granda tendo,
do mi min sentu, kvazaŭ en tendar',
kutiman tendon laŭdu tuj kun danko,
ĉe bruska piko grimacetu nur –
formikoj, nestiĝintaj sub la planko,
tagmanĝas ja ne nur sur mia krur'.
Eventoj brilas – mi ne ŝparu laŭdojn –
aŭdeblas ĉio pro l' teknika pret'.
Mi sendas el la lasta vic' aplaŭdojn
al surekrana svaga siluet'...

La tendo, certe, – nur paliativo,
sed pardonindas eta malkomfort',
se tiujn ĉi sep tagojn de la vivo
plenigas ĝua kaj mistera fort'
de l' teatraĵoj ravaj kaj belegaj,
foiroj, kantoj, tostoj kun gemut',
diskutoj, prezentadoj kaj prelegoj –
de la medi' kongresa ja en tut'!
Ne plu blasfemo pri l' kongresa temo! –
Ie en ĝi enestas vera art',
sed pelas min senpacienca tremo
al kantoj de Nataŝa kaj Ĵomart,
al dikulet' Georgo, kun efiko
donanta ĉerizbrandon de l' scenej'...
Ho, la neordinara Ludoviko
ne per la brando min kortuŝas plej!



prapranepino de Antoni Grabowski deklamis en la Arta Kafejo pecojn el lia traduko de "Sinjoro Tadeo"

Mi havas plendon. Same kiel ĉiuj –
pri l' malinternacia malvesper'.
Laŭ mia sci' protestaj opinioj
jam sonis vaste. Klaras la afer',
ke multaj homoj venis por aperte
talentojn siajn montri al publik'
kaj estis forpuŝitaj. Senaverte,
per la decid' de ies umbilik'
for de la sinofera perspektivo
sin montri antaŭ verda famili' –
en artkafejon. Jes, paliativo,
sed vere ja dolĉiga pli-malpli.
La rusoj ja eĉ tion ne ekvidis,
ĉar ĉiutage el la kongresej'
plorante je la naŭa jam rapidis
al dekseskilometre fora hejm'.



rusiaj partoprenantoj kun kelkaj siaj alilandaj amikoj

Kotletojn apartigu mi de muŝoj
kaj diru fine: certe dum Kongres'
sukcesoj estis multaj kaj kortuŝaj.
Ne gravas do l' mizera malsukces'.
Post botelet' falante al nirvano,
en glaŭka lumo mi ekvidas tuj
la UK-on sekvajaran – en Havano,
kaj... senrevige skrapas en monuj'.

***Bruna Ŝtono, aŭgusto 2009***

## ESPERANTO-VIVO SEMAJNON LONGA

***IJK-65, 18-25 de julio, Liberec (Ĉeĥio)***

Ĝi estis mia dua IJK. La loko, kie okazis IJK, estis tre komforta kaj tre verda, en malgranda urbo Liberec, norda Ĉehio. Regis bonega etoso tie. Ĉiuj homoj partoprenis diversajn kursojn, kiuj estis organizitaj de la volontuloj. Homoj el diversaj landoj, kiuj volis estri interesajn kursojn, povis fari tion facile. Partoprenantoj vizitis danskursojn, lingvajn kursojn, mezepokajn dancojn, organizitajn de rusiaj esperantistoj Svetlana Ŝiŝkina kaj Kirill Grustnjov.

Ankaŭ mi organizis en IJK malgrandan kurson "Lernado de Esperanto–kantoj". Mi elektis rusajn kantojn, tradukitajn al Esperanto, kaj ankaŭ originalajn E-kantojn, popularajn ĉe rusiaj esperantistoj, ekzemple "Tridek tri bovinoj", "Mia amatin'" k.a. Tio estas mia unua kant-instrua sperto. Mi volis konatigi la eksterlandanojn kun rusia Esperanto-kulturo. Kaj estas interese, ke multaj esperantistoj partoprenis mian kurson, kaj ĉiuj kun plezuro kantis. Ankaŭ mi kunveturigis speciale por IJK la filmon "Stilaĉuloj" (tiel ni tradukis la rusan titolon "Stiljagi"). Tiun filmon tradukis grupo de Tomska Esperanto Klubo. Mi reklamis ĝin dum IJK, tial venis multaj spektantoj (proksimume 45). La spektado estis sukcesplena. Al ĉiuj plaĉis la ĝenro kaj kompreneblaj subtitoloj. Ankaŭ mi spektis filmon kun ĉiuj kaj observis reagon de la homoj. Mi opinias, ke la filmo estas tre amuza, muzika kaj krome en tiu filmo temas pri libereco en nelibera lando.




*la moskva E-klubo EK-MASI preparis kaj montris dum IJK belegan spektaklon "Flutisto de la urbo Hamelin"(fotis J.Karcev)*

Krome, mi memorfiksis la tagon, kiam estis lingvofestivalo. Ĉio okazis en la ĉefa placo, kie situas tre bela urbodomo. Tie estis multe da specialaj tendoj, en kiuj esperantistoj el diversaj landoj prezentis siajn landojn, kantis en naciaj lingvoj. Estis ankaŭ famaj Esperantaj muzikistoj, kun kiuj ni havis eblecon kanti. Ekzemple, Kim invitis min sur la scenejon, kaj ni kune kantis liajn kantojn. Tio estis amuza kaj interesa sperto por mi. Ankaŭ estis Tone – brazilano, kiu ŝatas kanti repon. Per ĝi li esprimas sian emociojn pri la vivo en bela Esperanta lingvaĵo. Al mi tre plaĉis liaj vesperaj koncertoj en diskejo.

Interese estis viziti gufujon, kie ni povis babili kaj gustumi diversajn teojn kaj dolĉaĵojn. En la gufujo estis tre bona koncerto de Helena Melnikova el Rostov-na-Donu. Estis agrable aŭskulti ŝiajn kantojn kun akompano de gitaro kaj fluto.

Ankaŭ karaj organizantoj preparis por ni diversajn ekskursajn programojn. Mi veturis al “Ĉeski raj” (Bohemia Paradizo). Tie nin ĝojigis mildaj submontaraj naturpejzaĝoj kaj multaj pitoreskaj urbetoj.

Mi tre ŝatus denove partopreni IJK-on, ĉar tie mi denove renkontos miajn amikojn kaj konatiĝos kun novaj interesaj homoj el Esperantujo!

***Darja Obrazcova (Tomsk)***

## ILEI-KONFERENCO

La 22-an de julio la Komitato de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, faka asocio aliĝinta al UEA, elektis la novan 7-membran estraron. Kiel prezidanto de ILEI elektiĝis la konata pedagogo Stefan MacGill (Nov-Zelando/Hungario), kiu respondecos pri eksteraj rilatoj kaj kunordigo. Vicprezidanto Duncan Charters (Britio/Usono) okupiĝos pri universitata agado kaj instru-teknologia evoluo. Małgorzata Komarnicka (Pollando/Germanio) estas sekretario kaj Julija Batrakova (Rusio/Nederlando) – kasisto. La antaŭa prezidanto Radojica Petrović (Serbio) estis taskita pri edukaj projektoj kaj informado, kaj Zsófia Kóródy (Hungario/Germanio) – pri ekzamenoj, Esperanto-centroj kaj instrukapabligo. La fakoj de Julián Hernández (Kubo) estas lerneja kaj landa agadoj.

La 42-a Konferenco de ILEI sukcese venis al la fino la 24-an de julio. Ĝi altiris al Krakovo pli ol 75 instruistojn kaj edukajn aktivulojn, farinte tion per rekorde bunta kaj plena programo de seminarioj, prelegoj, prezentaĵoj kaj ekskursoj. Tuj antaŭ la fermo okazis asembleo, dum kiu la komitato estis paralele kunvokita por aprobi la celaron 2009-2012 kaj buĝeton 2010. Ĝi plie starigis novan komisionon pri la universitata kaj scienca laboro, sub gvido de la nova vic-prezidanto Duncan Charters. Fine de la asembleo la nova prezidanto Stefan MacGill skizis manierojn laŭ kiuj la konferencintoj (kaj ĉiuj!) povas plue aktivi en la ligo tra la jaro:

* Vizitadu hejmpaĝojn: de ILEI, de <edukado.net>, de <lernu.net>, sekciajn paĝojn. Lasu komentojn, prijuĝu lernilojn; kontribuu al debatoj en diskut-listoj.

* Partoprenu sekciajn aranĝojn – ne nur de via propra sekcio, por ke tiuj havu internacian karakteron kaj la uzo de Esperanto estu necesa kaj valora. Partoprenu aliajn aranĝojn kaj tie konigu la laboron de ILEI – ĉu per prelego, budo aŭ okazigo de kurso aŭ alia aranĝo.

* Dissendu pluen ILEI-komunikojn, por ke ili atingu la E-publikon kaj tiujn E-instruistojn kiuj ne membras en ILEI. Kiam la enhavo estas konvena, traduku la komunikon kaj dissendu ĝin al via loka, provinca aŭ landa gazetaro.

* Aliĝu frue al la 43-a ILEI Konferenco en la provinco Matanzas, 90 km for de Havano, en la semajno tuj antaŭ la UK.

* Abonu kaj abonigu nian revuon “Juna amiko”. Bonvenaj estas kvantaj mendoj, por ke ni liveru pakon al kursgvidantoj kaj ĉiu kursano ricevu ekzempleron.

* Kunlaboru kun IPR per sendado de informoj, fotoj aŭ fakaj artikoloj. Varbu membrojn por ILEI montrante la revuon, precipe kun ĝia nova, pli luksa aspekto.

* Anoncu al ni viajn kursojn, por ke nia registro estu kompleta. Kuraĝigu al kursanoj atesti sian nivelon per ekzamenoj.

* Uzu la nove eldonitan “Manlibron pri Instruado” – rekomendu ĝin al aliaj,

precipe kursgvidantoj kiuj ne estas kvalifikitaj instruistoj.

* Helpu al la komisionoj; estonte ili pli forte ligiĝos kun la estraro kaj alprenos novajn membrojn, kaj pretigos liston da aktivuloj sur la koncerna kampo. Do, kunlaboru, aŭ eniru komisionon, kaj se vi ne vidas la konvenan, proponu la fondiĝon de la nova!

La fermo enhavis kortuŝan novan ideon: aldone al la dankoj kaj donacetoj ĉiu plentempa konferenca partopreninto ricevis belan atestilon pri la partopreno, aŭtentigitan per vaksa sigelo kun emblemoj de la konferenco kaj de ILEI. La plimulto de la konferencanoj pluiris al UK, kie ILEI abunde reprezentiĝis: en sia propra kunsido, ĉe ILEI-budo, en la Movada Foiro, en la UEA-Komitato kaj kompreneble en la Tago de la Lernejo.

***(landa agado)***

## RESPONDE AL A.ŜEVĈENKO

Mi kore dankas al Aleksandro Ŝevĉenko (plu AŜ) lian grandan atenton al miaj elnotoj. Tuj mi konsentu kun lia kritika rimarko rilate al mi-uzata termino "frazeologio". Mi ne memoras kial ĝi trudiĝis al miaj fingroj klavantaj, ĉar en mia sliparo mi uzas la vorton "esprimoj" kaj en la komputilo – "diraĵoj". Oni vidos ĉi-numere jam alian titolon, kiu laŭ mi plej brakumas la celon de miaj koncernaj publikaĵoj.

Mi kun ĝojo trovis, ke ekzistas Rusie krom mi ankaŭ la dua persono (la unua – Klara Ilutoviĉ), kiu multe e-legas elnotante aparte interesajn momentojn. Kaj ambaŭ miaj lego-kompanoj same kiel mi aplaŭdas naciismojn en la e-beletro**.** Kaj ne nur ni: *La manplenon de klaraj eraroj mi jam forgesis. Kaj la rusismojn mi ĝuis: ili aldonis guston kaj aromon, sen kiuj la verkoj estus malpli riĉaj.* [1]

Se la tuta artikolo de AŜ kritikas precipe la terminan ("terminologio") aliron al la materialo do mi jam respondis konsente. Sed al mi ŝajnas, ke la aŭtoro malĝuste komprenis la celon publiki miajn elnotojn kaj do kritikas ion alian. Mi aliras al Esperanto-lingvaĵo duece: kiel transdonilo de rusa lingvaĵo nacispecifa al Esperanto kaj kiel perilo de alinaciaj lingvaĵoj nacikoloraj. Kiam mi renkontas la lastajn mi ĝuas ilin. Mi ne konis ilin ruslingve kaj lingvaĵe kaj ofte koncepte.

Ekzistas feliĉe e-lingve brila artikolo, kiu surbaze de informteorio klarigas la legoĝu-fenomenon [2], kaj mi rekomendas al ĉiuj ŝatantoj de e-beletro legi ĝin.

Nur unu citaĵo el la menciata artikolo: *Se la elementoj de mesaĝo* [beletra – A.G.] *estas tre maloftaj, ĝi portas al ni grandan kvanton da informo. Originalaj eldiroj estas pli interesaj ol ŝablonaĵoj, ĉar ili informas pli.* Tial por mi legi ruse bonan libron estas malpli interese, ol legi bonan libron e-lingve, kie aperas multaj maloftaĵoj. Do, mi kolektas tion, kion la ruslingvaj verkistoj ne dirus, sed la e-aj verkistoj povas diri ne nur kiel propralingve, sed ankaŭ kiel multaj naciaj lingvoj e-veste. Kaj ekzemplo de AŜ pri uzo de la esprimo *fajfi je (pri,* sed tamen ne *sur*) flanke de M.Bronŝtejn nur pruvas tion. La aserto de AŜ pri la internacieco de la nocio *fajfi je* estas dubinda. Pli ĝustus diri "tuteŭropeco", ĉar ekz. aziaj popoloj kaj rusoj (verŝajne aliaj) tiel ne diras. (Tute ekstertema estas la rimarko de AŜ ke la prepozicio *je* havas e-devenon.)

Estas stranga la aserto de AŜ pri tio, ke la menciitaj metaforoj de M.Boulton estas *dubinde ligitaj kun la angla lingvo*! Sed kun kiu lingvo??? Ja M.Boulton uzas la anglalingvan menson, ĉe esprimi sin e-lingve. Tiurilate oni legu mian artikolon *Nacilingva pensado kaj esperantlingva kosmo de pensado* [3], kie mi citis mian korespondon ĝuste tiuteman, kun alia anglino verkanta e-te. Nur unu citaĵo de tie:

*Anatolo Gonĉarov (A.G.):*

*... Tamen iom da esprimoj mi legis dum la kunveno de Moskva Literatura E-Klubo. Temas pri situacioj kiujn esprimi la rusoj uzus aliajn rimedojn (vortojn, ideojn...). Mi alkroĉas la citaĵojn de tiuj esprimoj, kiuj aldonis al la libro belan aromon...*

*Anna Löwenstein (A.L.):*

*Rilate al viaj komentoj,* ***mia ekirpunkto kompreneble estis la angla lingvo*** [la grasigo estas mia – *A.G.*]. *La provo redoni anglajn esprimojn en Esperanto foje kondukis al novaj elpensaĵoj* [ja surbaze de la anglalingva menso – *A.G.*], *ĝuste ĉar ne ekzistas kutima maniero diri tiajn aferojn en Esperanto.*

Pri la ŝtonoj ĉu silentaj ĉu kriantaj. Mi notis influon de la angla pensmaniero, sed ne kontestas, ke ankaŭ de alia (verŝajne eŭropa) nacio povas veni en la internacian lingvon la sama diraĵo. Por mi pli gravas noti kiel riĉiĝas nia lingvo el naciaj lingvoj kaj kiel riĉiĝas mia persona perceptomondo. Ja ruse mi neniam aŭdis, nenie legis la diraĵon: *ну что ты молчишь как камень*[1] (*nu kial vi silentas kvazaŭ ŝtono*).

Pri la araba-lingva bloko. Mi notis la prozan lingvaĵon elaraban memorante ĝui ĝin kvazaŭ poeziaĵo, tiom ĝi estas bildeska kaj poezieca. Por tion kritiki AŜ devus uzi ankaŭ elprozajn ekzemplojn. Tiam necesus trafosi kolosan kvanton da ruslibroj por eble trovi ion similan. Mi petas pardonon ĉe AŜ, se miaj elarabaj ekzemploj ne tuŝis lin, ŝajnante banalaĵo. Mi petas pardonon ĉe ĉiuj REGo-legantoj, se ankaŭ estonte iu ie-tie trovos ke mia persona (ofte emocia) percepto ne koincidas kun la percepto (ofte pli flegma) de iu-tiu aliulo. Kontraŭe – ne indus publikigi la materialon.

Kaj mia lasta rimarko al la kritiko de Aleksandro pri la ekzemploj el la revuoj. Mi celis noti la riĉiĝon de e-esprimeblecoj entute sed ne nur la beletran. Des pli ke en la beletro, jes ja, mi renkontis absolute ĉiujn tavolojn de la lingvo, eĉ la parolan aŭ blasfeman.

Kaj plej laste: mi ne trovis la promesitan de AŜ oponon al mia tezo ke la lingvo Esperanto riĉiĝas ĉefe el du fontoj: la naciaj gramatikoj kaj naciaj pensmanieroj. Ĉu sekve Esperanto ne riĉiĝas, aŭ faras tion el aliaj fontoj, el kiuj? Ĉu ĉefrolas nur cerbaĵoj de apartaj verkantoj/tradukantoj seninfluaj de la gepatra lingvo? Ĉar am-

[1] Tamen tiaspecaj ekzemploj ekzistas, ekz. en la rakonto de Maksim Gorjkij “Хан и его сын” (Ĥano kaj lia filo): “камень неподвижный и молчаливый” (ŝtono senmova kaj silenta), en la versaĵo de Vadim Ŝefner “Камни под асфальтом” (Ŝtonoj sub asfalto): “Молча камни на небо любуются” (Silente la ŝtonoj admiras la ĉielon), k.m.a. de malpli konataj aŭtoroj – La red.

baŭ diskutantoj estas tre amatoraj lingvistike, estus bone legi opiniojn de niaj lingvistikaj pintuloj.

P.S. Apartan dankon al Aleksandro pro la vorto "jurnalistumo" kiu tuj saltis mian kolekton de um-vortoj. Jamas tie pluraj centoj da tiaj.

P.P.S. Ĉiuj menciataj reference artikoloj estas riceveblaj rete ĉe <anatolog@mail.ru>.


1. Mark Fettes, en: *Esperanto*, 1991, 4, p, 71.
2. R.P.Nogueira, en: *Norda Prismo,* 1970, 1, p. 6.
3. Anatolo Gonĉarov, en: *Scienco kaj Kulturo*, 2005, 1, p. 8.


***Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## NACIAJ DIRAĴOJ E-VESTE

***parto 3***

### **Ĉ I N I O**

Ekz-e mi, Songling, per mia povra lumeto, simila al tiu de lampiro en aŭtuno, certe ne povis konkuri je brileco kontraŭ la nuntempaj demonoj; kaj, **tiel banala kiel polvo en sunlumo**, nek povis eviti mokadon de la diabloj.
*Guozhu, el la ĉina. Fonto, 243 (mar. 2001), p. 26*

Kial mia patro havas kromedzinon? Ĉu mi devas vivi kun tiu malalta kaj grasa **larĝbuŝulino** ĝis la morto? Li pensis.
*Wei Yidu, el la ĉina. Bakin, La familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 301*

Juehui silentis. La rapide ŝanĝiĝanta vizaĝesprimo perfidis la furiozecon de la interna batalo. Kun **nodiĝintaj brovoj** li iom malfermis la buŝon kaj diris kun intensigita voĉo...
*Wei Yidu, el la ĉina. Bakin, La familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 376*

Sed la konsolo estas momenta, ĉar post tempeto mi ekpensas pri mia humila deveno kaj mi denove **falas en ŝliman dilemon**...
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 367*

Du servistoj Yuan Cheng kaj Wen De kun vinkruĉoj **navete rapidis** de loko al loko por plenigi tasojn.
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 148*

Lia ne tre penetra rigardo **pafiĝis tra la** orkadraj **okulvitroj** kaj **balais la vizaĝon** de Juehui.
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 420*

"Kiel tragika! Kiel tragika!... Kiam mi vidis, kiel ŝi eniras en la palankenon, plorante kaj baraktante, ankaŭ miaj **larmoj elruliĝis.** Ankaŭ ŝi estas homo. Kial oni donacas ŝin kiel objekton?"
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 361*

Tria grupo ludis malantaŭ kurteno, ili eligis erotikajn amindumajn voĉojn de viroj kaj virinoj, tial la gejunuloj **ne estis permesitaj aŭskulti.**

*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 413*

Li tuj sentis la intimecon kaj tiklon alpaŝi kaj reteni ilin por babilado. Tamen post rigardo al siaj ĉifonaĵoj, **li frostiĝis en la koro**. Li retiriĝis malantaŭ la leonon, eĉ kaŭriĝis kaj kuntiriĝis en bulon timante ke ili vidos lin.
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 184*

Tiuj **vortoj ŝutiĝis** sur Qin **kiel malvarma akvo**. Ŝi **sentis sin frosta tra la korpo**, kaj ŝi silentis.
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 39*

Li aŭdis jesan respondon de Juevin kaj aŭtomate relevis la tason kaj **prenis elsu-ĉon da vino** kun plezuro kaj senzorgo.
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 148*

Tiuj **vortoj klare bloviĝis en la orelojn** de Juehui. Li emociiĝis preskaŭ ĝis lar-moj. Li volis atente...
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 82*

Raviĝante, li fiere ekridetis pretervole kaj **prenis longan eltiron da vino.**
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 149*

... 43-jara patroflanka avino: "Mi tamen laciĝas egale ĉu mia energio estas konsu-mata aŭ ne. Ĉar mi havas nenion por fari, mia vivo ne vekas intereson ĉe mi. **Tiu, kiu vivas longe, fariĝas tedaĵo en la okuloj de la aliaj"**. Post tiuj vortoj ŝi fermis siajn okulojn.
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 37*

Li pensis ke li **volas fari** ion ajn, kion la parolanto postulas de li, eĉ **spite al lukto tra akvo kaj fajro...**
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 82*

La ĉarma vizaĝo ĉiam surhavas obeemon, toleremon kaj senplendemon. **Ĝi similas al maro, kiu akceptas kaj forglutas ĉion, tamen eligas nenian muĝon.**
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 19*

Per kio li vivtenu sin? Pri tiuj problemoj li neniam pensis. **Kiam la afero al-trudiĝis ĝis lia nazo,** li estus devinta fari tujan decidon, sed li tamen hezitis.
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 431*

Kial falis Sovetio? Iuj kamaradoj ĝis nun kulpigas Ĥruŝĉov-on kaj Gorbaĉov-on... Ĉina proverbo diras, ke **tri futojn dika glacio ne formanĝiĝas pro unutaga de-gelo**.
*SHI Chengtai, Ĉinio. La Gazeto, 109 (dec. 2003), p. 10*

Kiel terure! Mi ĉiam **sentas min perdita sen la vergo**. Mi devas jam iri. Onklo Pe-jfu plandumis el la ĉambro, lasante Alan-on ploranta.
*W.Auld, el la angla. Chun-chan Yen, Montara vilaĝo, Ĉina E-Eldonejo, Pekino, 1984, p. 166*

Ni aŭdis voĉegon urĝigi ilin, tiel laŭtan, ke ĝi memorigis al ni senpaciencajn kam-paranojn, kiuj pelas sur fenditan kampon maljunan plugbovinon: "**Pigrapugoj**! Ĉu

vi atendas portseĝojn?”
*W.Auld, el la angla. Chun-chan Yeh, Montara Vilaĝo, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1984, p. 218*

Neniu el la rikiŝistoj kuraĝis ruzi kontraŭ li. Ekridante al li kaj tuj poste rondigante la okulojn, li povis fari ilin **komplete konfuzitaj, kvazaŭ ili jam havus unu piedon en la paradizo kaj unu en la infero**. Tiel ili vole nevole lasis sin manipuli de li.
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 46*

Mi laboras por mono, ne sklavino mi estas. Vi havas vian fiodoran manon, sed sciu, **eĉ argila figuro havas sian teran econ**.
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 90*

... permesu, ke iu kruda kampulo forprenu de li lian solan filinon... Ne, absolute ne! Neniu povus havi tian profiton de Kvara Liŭ. De la infanaĝo Kvara Liŭ estas **tia homo, eĉ kies furzo povus estigi kavon en la tero!** (aludo al krueleco kaj krudeco)
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 184*

... ŝi klare vidis ke ŝia antaŭa plano jam ne estas efektivigebla. Ŝi devas **rapide agi** por teni Ŝjangzi en sia mano, **alie ŝi “ne nur perdos la kokinon, sed ankaŭ rompos la ovon”.**
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 186*

Vidante, ke ambaŭ partioj ne volas cedi, ili kaptis oportunan okazon kaj forŝteliĝis, ĉar proverbo diras: **“Eĉ justa ŝtatoficisto neniam intervenu en familiajn disputojn”.**
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 189*

Mono en la manoj de tiu maljunulo vere estis sufiĉe sekura, sed malgraŭe li sentis sin iom maltrankvila. **Mono estas kiel ringo, kiun oni prefere ĉiam portas sur sia propra fingro.**
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 99*

... iliaj parolturnoj kaj iliaj parolmanieroj estis malsamaj, tamen ĉiu same malbenis kaj plendis pri la maljusteco. La kordoloro de Ŝjangzi **igis lin ensorbi tiajn parolojn, kiel sekega tero ensorbas pluvgutojn.**
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 121*

En la nuna momento, kiam la nacio krizas kaj la socio malstabilas, **ĉu povas troviĝi ovoj sendifektaj, se la nesto estas renversita?**

*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 258*

Ne gravas la kvereloj inter patrino kaj filino, kiuj forgesiĝas post kelkaj tagoj. **Starante sub malalta tegmento oni ne povas ne klini la kapon.**
*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 22*

**Konsternitaj kiel musoj perdintaj sian mastron**
*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 84*

Ŝi sidis sola sur ligna kanapo ĉe la angulo de la vagono kaj **najlis sian rigardon** eksteren tra fenestro.
*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 1*

**En bela festo duoblas la nostalgio.**
*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 125*

Mi opinias, ke nun estas tempo por mi fariĝi "**inda viro, kies kadavro devas resendiĝi hejmen envolvita en felo de militĉevalo"**, kiel diris la antikvuloj.
*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 217*

Se guberniestro Bao ŝin ne volos, vi devos ŝin cedi al mi, maljuna Yu! **La herbo ne vivas pli ol unu jaron, la homo ne vivas pli ol unu vivon.** Oni devas ĝui la volupton, eĉ se tio ruinigus la tutan havaĵon.
*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 42*

Fraŭlino Lin, **la homo ne vivas pli ol unu vivon, la herboj ne pasas pli ol unu aŭtunon.**
*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 281*

Prohibi la amoraĉon estas ne malutile al popolanoj, sed ĉe la afero restigi ilin **en abisma nesciado** estas neprudente – prohibita frukto estas pli tenta.
*MAO Zifu, originale, Ĉinio. Riveroj, 1996, 11, p. 17*

La akvo pli ol 4-metra sieĝis nian domon tra monato. Dume ni loĝis sur la apuda monteto en plasta ŝirmilo. **Kun fajro en la koro** ni atendis ke la akvo frue cedas.
*MAO Zifu, el la ĉina. Riveroj, 1996, 22, p. 3*

Oj, eĉ hodiaŭ popolanoj edifas la posteulojn per historioj, en kiuj estas herooj bravaj kaj sinoferaj por la nacio, sed efektive servilaj al la reĝo... Ho ve, iam kaj iam la popolanoj **ĝuas la nigron** kovrante sian okulparon per siaj manoj.
*MAO Zifu, originale, Ĉinio. Riveroj, 16 (1997), p. 27*

La 24 de julio nia vilaĝo Guangshan (gŭangŝan) en Linli-gubernio estis englutata de la inundo. La vilaĝo estas ne tro granda, tamen proksimume mil vilaĝanoj envolviĝis **en la plago**.
*MAO Zifu, el la ĉina. Riveroj, 22 (1998), p. 1*

Ĉe mia reveno al la lernejo miaj gepatroj ripete admonis min, ke mi lernu pene, ne prizorgu la familion; ĉio boniĝos... Maltrankvila mi alvenis la lernejon. Atinginte la lernejon mi **restis splena**. Antaŭ miaj okuloj ĉiam naĝis la korpoj malfortaj de la gepatroj.
*MAO Zifu, el la ĉina. Riveroj, 22 (1998), p. 4*

**La inundo** plue **ŝvelis**. La familiaj bestoj baraktis – kokoj flugis sur arbojn.
*MAO Zifu, el la ĉina. Riveroj, 22 (1998), p. 2*

... sed ŝi, male mem-iniciate prenis sur sin la laboron porti manĝoskatolojn en la galerion. **"Sen gustumi mustardon oni ne povas percepti ĝian akrecon"**.
*... el la ĉina. Bukedo al vi, ĈEL, Beijing, 1984, p. 50*

En Ĉinio oni ofte ŝatas diri, ke **floro en muroj aromas ekster muroj**. Sed nur la floro de Armand Su aromas same en kaj ekser muroj... Finfine Armand Su revenas en sian hejmlandon... (ankaŭ en Ĉinio eldoniĝis)
*Shi Chengtai, originale, Ĉinio. Penseo, 30 (1992), p. 3.*

Antaŭ unu jaro ni raportis pri la rapida disvolviĝo de la movado en Ŝenjan... Jen nun sekvo al tio ke **la tajdo**, laŭ ĉina esprimo, **ankoraŭ varmas**.
*Wo Guojiang, originale, Ĉinio. Esperanto, 1989, 4, p. 63*

Foje li vojaĝis al Jinan kaj hazarde vidis ke juna bonzino prezentis luktarton antaŭ publiko. Spektantoj **ĉirkaŭsieĝis** ŝin **nube**.
*Guozhu, el la ĉina. Penseo, 1992, 25, p. 2*

Tiun okazintaĵon la familio de Zhang Yi tenis ĉiam sekreta. Pri tio **subsciis** nur malmulte da parencoj.
*Guozhu, el la ĉina. Penseo, 20 (1992), p. 3*

La trijara filino aplombe senŝeligis oranĝojn... Feliĉe al ili ambaŭ, ke la filino ankoraŭ restas naiva kaj **nebulmensa**, ne povante kompreni la disigan doloron.
*Sceto, el la ĉina. Penseo, 25 (1992), p. 4*

Mi ne havas **bonan plumon**, kiu povus sufiĉe **esprimi mian senton**, kiun mi tamen povas esprimi per miaj agoj praktiki esperantismon.
*Lu Jianbo, originale, Ĉinio. Penseo, 11 (1991), p. 11*

Tiutage la homoj **venis nube**.
*Gozhu, el la ĉina. Penseo, 23 (1992), p. 1*

La Budapesta Skolo elstaris kaj la poemaro de Kalocsay "Streĉita Kordo" aperis en 1931, kiu **faris la esperantan literaturon posedi** same elstaran ĉefverkon, kiel tiuj en naciaj lingvoj.
*Shi Cxengtai, originale, Ĉinio. Penseo, 102 (2000), p. 102*

Dum mia duafoja vizito al Honkong mi loĝis en la Ĉinlingva Universitato de Hongkong, kiu impresis min per sia akademia **etoso eĉ pli densa** ol tiu sur la ĉeftero de Ĉinio...
*... el la ĉina. El Popola Ĉinio, 1999, 2, p. 24*

Mi tute perdis mian personan liberecon, **kvazaŭ birdo enkaĝita kun flugiloj sen-**

**plumigitaj.**
*Lu Binŝeng, el la ĉina. El Popola Ĉinio, 1987, 5, p. 44*

Antaŭ tio Ĉinio neniam gajnis ĉampionecon de vira 3-metra trampolino-plonĝo en la Olimpikaj ludoj, tial oni **metis esperon** sur Xiong Ni.
*Yi Xiu, originale, Ĉinio. El Polpola Ĉinio, 1996, 12, p. 4*

Tia ludilo ne nur amuza, sed ankaŭ instrua, jam venis en la merkaton kaj **plenigis blankon en la ĉina ludila industrio.**
*... el la ĉina. El Popola Ĉinio, 1990, 8, p. 38*

Kial vi ne prenis kiel vian edzinon vilaĝan knabinon, kiu kolektas brulaĵon? Evidente **vi jesas buŝe kaj neas kore.**
*Lu Binŝeng, el la ĉina. El Popola Ĉinio, 1987, 5, p. 44*

Iu sidanta sur la pruo **diris kun elpuŝita buŝo**: “Vidu kiel ili arogantis kaj ignoris nin!”
*S.J.Zee, el la ĉina. Por nova afero nova maniero, ĈEL, Beijing, 1995, p. 17*

... sed tia loĝigo de eksterlandanoj ne estis praktikata en Ĉinio kaj la koncernaj negocoj **malrapide progresas, kvankam “ekzistas lumo”**, kiel lastatempe oni komunikas el Pekino.
*... Ĉinio. Budapeŝta Informilo, 1985, 12, p.21*

Ĉu vi ne aŭdis la onidiron, ke **la obeema bovo laboras plej multe**? Ju pli vi cedas al ili des pli ili arogas kaj superŝutas vin per diversaj laboroj eksteraj.
*Ŭang Ŝijong, el la ĉina. El Popola Ĉinio, 1987, 6, p. 6*

“Amiko ĉu vi povus helpi al mi?” “Tre volonte” entuziasmis la maljuna avidulo. “Oni diras: **Fremdan havaĵon trafante, havu l’ duonon kontante!** Se ĝi estos elfosita ĝi apartenos al ni ambaŭ”.
*Fan Yizu, el la ĉina. Saĝo-sako. Ĉinaj popolaj rakontoj, ĈEL, Beijing, 1983, p. 11*

“Tiu, kiu buĉis la bovon, devas kompensi per sia vivo. La krimuloj estas ĉi tie. Mortigu ilin aŭ faru alie laŭ via plaĉo”. “Kiu respondecas pri tio, se ne vi?” **“Pri la krimo de bubalo tigro ne havas respondecon”.**
*Fan Yizu, el la ĉina. Saĝo-sako. Ĉinaj popolaj rakontoj, ĈEL, Beijing, 1983, p. 39*

Hodiaŭ tiu Agu Dumba mem venis tien. La brutposedanto sidis kvazaŭ sur pingloj. Li skizis planon en la kapo por plej bone “regali lin”. “**Per lazo kaptu galopan ĉevalon; per fremda mano batu malamikon**”...
*Fan Yizu, el la ĉina. Saĝo-sako. Ĉinaj popolaj rakontoj, ĈEL, Beijing, 1983, p. 41*

“Hej” postdorse ektondris kriego, kiu teruris min. Mi tute ne rimarkis, ke post mi iras nigra junulo... **“Bona ĉevalo ne staras** (“ne haltas” – devus esti) **en vojmezo.”** Li iris antaŭen.
*Fan Yizu, el la ĉina. Saĝo-sako. Ĉinaj popolaj rakontoj, ĈEL, Beijing, 1983, p. 51*

Tamen la pordo restis rigle fermita, el inter kies fendoj ankoraŭ alŝvebis **flustraj kolombumoj sur kapkuseno.**
*Guozhu, el la ĉina. Penseo, 21 (1992), p.3*

... mi vidis, ke multaj butikoj havas antaŭ sia pordo girlandojn, kiujn mi vidis nur en sepultejo. **Mi falis en grandan miron.**
*Gu Lie, originale, Ĉinio. El Popola Ĉinio, 1999, 11, p. 11*

Tamen, ordinare oni opinias ke ĝia aŭtoro skribis ne pri iu alia, sed pri si mem. Do vi povus kompreni ĝin **kiel romanon** pri amoraj geviroj, **pri familio de prospera al kaduka, pri dinastio de fortika al putra ktp.**
*MAO Zifu, originale, Ĉinio. Fonto, 242 (2, 2001), p. 29*

Dum ni **regis nin neplorantaj**, la plejaĝa frato fulme rapidis en la orientan ĉambron. Kiam li de tie eliris, mi ja **klare rimarkis liajn okulojn ruĝaj**.
*MU Binghua, originale, Ĉinio. Riveroj, 1995, 8, p. 11*

Ho, ŝi ja **havas la koron ami belon!** Ĉiufoje antaŭ ol iri...
*MU Binghua, originale, Ĉinio. Riveroj, 10 (1995), p. 25*

Ĉiufoje, antaŭ ol iri de la hejmo... ŝi senescepte **atente ornamas sin: desegni la brovojn kaj okulojn, ŝmiri lipruĝon sur la lipojn kaj surmeti tre kolorajn vestojn.**
*MU Binghua, originale, Ĉinio. Riveroj, 10 (1995), p. 25*

Sur ilia vizaĝo aperis ridaj mienoj. Bedaŭrinde, **la banaj scenoj daŭris nelongaj.**
*Ji Yingen, originale, Ĉinio. Riveroj, 26 (1999), p. 26*

Certe oni diras, ke mi havas strangan indulgemon pri la **papilia amo de la edzo**, kaj iuj povas suspekti, ke ankaŭ mi povas havi similan rilaton ekster la kadro de geedzeco.
*MAO Zifu, originale, Ĉinio. Riveroj, 24 (1999), p. 28*

Mi **tenis min silenta**, ĉar ŝia unua diro estis neniel atendita.
*MAO Zifu, originale, Ĉinio. Riveroj, 24 (1999), p. 27*

... kun siaj aninoj jam okupis la kampon. Ŝi defiis: "Hi, **fostoj, aliĝu en nin!**" Ĵetante al ni pilkon.
*MAO Zifu, originale, Ĉinio. Riveroj, 24 (1999), p. 23*

... Pu Songling ellitiĝis ankoraŭ laŭ kutima horo. **Li kombis al si**, kaj matemnanĝis.
*HU Guozhu, originale, Ĉinio. Fonto, 266 (2, 2003), p. 15*

La malnova hejmo estis nur **"malvasta ĉambro por genuoj"**, sed tie li povis libere sonĝi, kun ravĝuoj inter familianoj.
*HU Guozhu, originale, Ĉinio. Fonto, 265 (1, 2003), p. 15*

Kiu povas nun penetri mian koron / Kiam mi **okultenas svagan foron...**
*Bril Jadov, el la ĉina. Penseo, 83 (sept. 1998), p. 1*

Mi tradukis en mia soleca legoĉambro, plejofte nur en la **postlaboraj tempostumpoj.**
*Guozhu, originale, Ĉinio. Fonto, 254 (febr. 2002), p. 27*

Mi ekkonis kaj komencis lerni Esperanton en 1956... Kaj depost tiam, ĝuste kiel

diris la versoj: **forflugis tridek jaroj je nura fingrosvingo.**
*Guozhu, originale, Ĉinio. Fonto, 254 (febr. 2002), p. 24*

Lin Daojing larĝe malfermis siajn okulojn kaj atente aŭskultis la belajn kaj emociajn **vortojn, malrapide elfluantajn el lia buŝo.**
*Yang Yangsen, el la ĉina. Yang MO, Kanto de juneco, I-a parto, 1981, Ĉinio, p. 51*

... Docan estis centfamiliestro... Li havis **la forton de dekdu gruntbovoj** kaj...
*Fan Yizu, el la ĉina (poluris la trad. Geofrey Sutton). Saĝo-sako. Ĉinaj popolaj rakontoj, ĈEL, Beijing, 1983, p. 17*

Mi tradukis laŭ ĝi. Sed poste mi ekpensis, **kial ŝi devas faligi kurtenon ĉe fermita pordo. Ago superflua**, se ne malebla.
*Xie Yuming, originale, Ĉinio. La Gazeto, 89 (jun. 2000), p. 23*

"Fi al vi, Maljuna kotono! Jam **sekiĝis al mi la buŝo por vin konvinki!**"
*S.J.Zee (Censinio), el l a ĉina. Por nova afero, nova maniero, ĈEL, 1959, p. 127*

Estas bedaŭrinde nur, ke la pudro ne povas glatigi la sulkojn sur ŝia **vizaĝo** kaj ĝi **aspektis azena fekaĵo kovrita de prujno.**
*S.J.Zee, el la ĉina. Por nova afero, nova maniero, ĈEL, 1959, p. 36*

... li direktis siajn okulojn al Juemin, kiu legis la libron kun klinita kapo. En la ĉambro **regis tomba silento.**
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 137*

Kiam Grandsinjoro aperis, **silento tuj falis en la ĉambro.** Keming ordonis bruligi petardojn.
*Wei Yida, el la ĉina. Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 178*

Jes, mi jam izolas de amo. Mi preferas nur ami nian esperanton dum mia tuta vivo. Ŝi konsideris portempe. **La silento kloŝis sur ili**. "Guno", ŝi denove rompis la silenton...
*Shi Chengtai, originale, Ĉinio. Monato, 1989, 8, p. 26*

La subita **silento estis kiel tiu en arbaro kiam pepantaj birdoj ekvidas aglon**.
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 177*

Li ne volis iri vidi Kvaran Sinjoron Liŭ. Lia **rilato** kun Huniŭ **estis tiu de karno al karno**, t.e. de la plej intima speco, sed kun la maljunulo li havas nenian ligon.
*Ŭang Ĉongfang, el la ĉina. Laŭ Ŝe, Kamelo Ŝjangzi, Ĉina E-eldonejo, Pekino, 1988, p. 201*

Silento simila al **plado da malvarmaj kaj sensalaj nudeloj**, disfluas sur la gotabulo...
*ŜAN Sa, Verkita en la franca. Ĉinio – Francio. La Gazeto, 106 (apr. 2003), p. 3*

Okaze de la feria tago de ĉiu tagdeko, kolektiĝas **nuboj da** eminentaj amikoj.
*HU Guazhu, el la ĉina. La Gazeto, 124 (apr. 2006), p. 15*

Kion fari? Li jam sciis laŭ ĝistiamaj scioj kaj spertoj, ke skribi tian leteron al la CK

de KP de Ĉeĥoslovakio estas **kvazaŭ verŝi akvon sur anseron**. Post cerbumado li skribis al Burda...
*Shi Chengtai, originale, Ĉinio. La Gazeto, 125, (jun. 2006), p. 26*

Li trovis en la traduko preserarojn kaj eĉ gravan miskomposton, kaj pri ili li atentigis min, kio multe helpis min ĉinigi la libron. Tia studa persistemo kaj tia menso verserĉanta ĉe veterano brilas antaŭ mi (kaj ankaŭ vi, ĉu ne?) kaj **hontigas min kun granda estimo!**
*Shi Chengtai, originale, Ĉinio. La Gazeto, 125 (jun. 2006), p. 28*

Kaj neatendite, kiam venis ŝia deka naskiĝtago, la testudo ŝin vizitis. Estas mirige! ... Kaj ĉe la trideka jaro ŝi renkontis ĝin en sia hejmo. ... ĝis la sesdeka jariĝo ĝi ree alvenis kaj **skulptiĝis** sesafoje. [rusoj: kaj "pentriĝis"...]
*Mao Zifu, originale, Ĉinio. Literatura Foiro, 156 (aŭg.1995), p. 212*

***Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## REFORMOJ AŬ NATURA EVOLUO DE ESPERANTO

Grava artikolo "Esperanto – reformoj kaj celoj" de unu el niaj renomaj poetoj Mikaelo Giŝpling aperis pasintjare en la revuo "Scienco kaj Kulturo" (n-roj 3–4, 2008). En la artikolo la aŭtoro polemikas kun reformistoj, montras sian vidpunkton pri evoluo de Esperanto. "Antaŭ ni ekestas la demando: ĉu vere Esperanto bezonas reformojn?" – demandas la poeto. Bezonas, kiel ĉiu alia lingvo. Sed ni ne timu reformojn, se ili estas prudente kaj science motivitaj.

Reformoj de la rusa lingvo okazadas regule (1918, 1956, 2000) – proksimume post ĉiuj 50 jaroj. En la lasta reformo temas plejparte pri ŝanĝoj en ortografio de la lingvo. Ĝi kaŭzis tumulton inter profesiaj korektistoj kaj redaktoroj, sed multmilionaj uzantoj de la rusa lingvo ĝin apenaŭ rimarkis. La reformo de 1918, kiu nun malfaciligas por legantoj perceptadon de la tuta antaŭreforma literaturo, inkluzive ruslingvajn verkojn de L.L.Zamenhof, siatempe ankaŭ ne provokis tutrusian lingvan tumulton. La loĝantaro de la granda lando tiam estis plejparte analfabeta, kaj la parolatan lingvon la globalaj ŝanĝoj ne tuŝis.

Same reformoj en Esperanto estas neevitebla procedo, ĉar ili grupigas kaj ordigas laŭregule la tutan kolektiĝantan sperton de la lingva evoluo. Estante en administro de bonaj dioj de la Akademio de Esperanto, tiuj reformoj, ni esperu, malebligos al la lingvo disiĝi je multaj ne ligitaj inter si dialektoj. Sed kian rilaton tiuj reformoj havas al la natura evoluo de la lingvo? Ĉu aperintaj artikoloj kaj libroj, kiujn notas M.Giŝpling, de unuopaj aŭtoroj-reformistoj kun novaj gramatikaj proponoj kaj leksikaj eltrovaĵoj apartenas al literaturo, aŭ tio estas nur privataj opinioj enkadre de ĝenerala lingvistika polemiko? Ekzistas brilaj eltrovaĵoj, ekzemple, ĉe akademiano B.Kolker, sed li neniam nomas siajn perfektajn lingvistikajn ekzercarojn beletro.

Por almenaŭ skizi senhaltan naturan evoluon de la literatura lingvo ni prenu kvar novajn librojn de tri aŭtoroj: "Vespere" kaj "Kajto" – poemaroj de M.Giŝpling kaj M.Bronŝtejn, "Vismar" kaj "Lecionoj por knabo" – prozaĵoj de I.Nemere kaj M.Bronŝtejn respektive. Tiuj tri homoj ne estas hazardaj en Esperanto-literaturo,

do iliaj gustoj kaj preferoj rekte influas la evoluon de la literatura lingvo.

Kion ni vidas en la libroj? La prepozicion *na*, la prefiksojn *pe-* kaj *le-* (pri kiuj temas en la artikolo de M.Giŝpling) la aŭtoroj ne uzas, same kiel aliajn eksterregulajn formojn de la lingvo. Tio ebligas al leganto ne stumbli ĉiulinie pro vica neologismo aŭ nekonata regulo, sed plene mergiĝi en la espriman manieron de la aŭtoroj.

Kia estas leksiko de tiuj kvar libroj?

Uzante ekzemplojn el la artikolo de M.Giŝpling, ni faru malgrandan statistikan tabelon:

| | Giŝpling (Vespere) | Bronŝtejn (Kajto) | Nemere (Vismar) | Bronŝtejn (Lecionoj...) |
|---|---|---|---|---|
| *Liva*<br>*maldekstra* | 1<br>0 | 0<br>1 | 0<br>16 | 0<br>10 |
| *Trista*<br>*malĝoja* | 17<br>0 | 12<br>0 | 1<br>0 | 2<br>0 |
| *Lontana*<br>*malproksima* | 1<br>1 | 1<br>4 | 0<br>7 | 0<br>3 |
| *Pigra*<br>*maldiligenta* | 2<br>1 | 2<br>0 | 4<br>0 | 7<br>0 |
| *Buso*<br>*aŭtobuso* | 0<br>0 | 6<br>0 | 1<br>1 | 5<br>0 |
| *Sinki*<br>*subakviĝi* | 2<br>0 | 0<br>0 | 0<br>0 | 0<br>0 |
| | | | | |
| *kiel* | 73 | 24 | 259 | 63 |

El la tabelo ni vidas, ke la neologismo *liva* estas malŝatata de ĉiuj tri aŭtoroj, krom unu escepto ĉe M.Giŝpling, dum *maldekstra* estas ofta precipe en prozo.

La vorto *trista* **plene** forpuŝis *malĝojon* el poeziaj kaj prozaj tekstoj.

*Lontana* ne estas ofta, nur poezia, dum *malproksimon* uzas ĉiuj tri aŭtoroj en poemoj kaj prozo.

*Pigra* kaj *buso* preskaŭ plene anstataŭigis la malnoviĝintajn *maldiligenton* kaj *aŭtobuson*.

La vortoj *sinki* kaj *subakviĝi* en la kontrolataj tekstoj preskaŭ ne prezentiĝis.

Por kompari ni prenis oftan en esperantista uzado vorton *kiel*. Videblas, ke

M.Bronŝtejn ne estas adoranto de tiu vorto, precipe en poezio (nur 24 aperoj), dum I.Nemere sukcesis ĝin uzi en la romano "Vismar" 259 fojojn! En la alia romano – "Jesa", la sama aŭtoro uzis *kiel* 258 fojojn. Tiu ekzakta koincido plejverŝajne ne estas hazarda. (Kompare, N.Gudskov en "Ilustrita enciklopedio de hejmaj mamuloj", kiun ni opiniu scienc-populara eldono, uzis *kiel* 258 fojojn, tiu koincido kun I.Nemere ankaŭ, supozeble, ne estas hazarda.)

Por fari ankoraŭ unu komparon, ni prenu la poemaron de Dina Lukjanec "Tremanta stelo". *Kiel* renkontiĝas ĉe la poetino 13 fojojn, kio tre proksimas al rezulto de M.Bronŝtejn en "Kajto", se konsideri diversan kvanton de paĝoj. Tio indikas parencan poezian skolon. Sed jen estas gravaj diferencoj: la vortoj *sinki, subakviĝi, buso, aŭtobuso, pigra, maldiligenta, lontana, liva, maldekstra* plene mankas en la poemaro, *malproksima* kaj *malĝoja* renkontiĝas po 4 fojoj kaj *trista* – plej ofte – 8 fojojn. Se konsideri, ke la poemoj de D.Lukjanec preskaŭ plene apartenas al antaŭtridekjara periodo en Esperanto-literaturo, do ni povas rimarki, ke tiam la sinonimoj *trista* kaj *malĝoja* **ankoraŭ konkurencis inter si**, sed *trista* jam komencis venki. *Malproksima* estis samofte kiel nun uzata, kaj ne cedis ankaŭ nun sian pozicion al *lontana*. Multajn el prezentitaj en la supra tabelo vortoj la poetino entute ne uzis, kio povas indiki pli magran leksikan provizon de la poemaro. Mi pensas, ke tio estas ĝenerala trajto de tiama Sovet-Unia literatura periodo.

Uzante la tabelon, eblas pentri eĉ proksimuman psikologian portreton de la verkistoj. Tiel, la plej "trista" el la aŭtoroj estas M.Giŝpling, M.Bronŝtejn tre ŝatas busojn (ĝenerale vojaĝojn), kvankam li estas ankaŭ la plej "pigra" aŭtoro, dum I.Nemere preferas konkretaĵon "maldekstra" kaj la filozofian "kiel". Ĝenerale, la prezentitaj poetoj ŝatas tristi, kaj I.Nemere estas la plej maltrista en prozo.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

Tio okazis en Francio inter la du mondmilitoj. Maljuna judo, portanta du grandajn tekojn, eniras stacidomon en Tuluzo. Li aliras lokan viron kaj demandas lin: "Kion vi opinias pri la judoj?"

Tiam respondas la franco: "Ho, mi alte taksas la judojn. Ili havas belan kulturon!"

La judo trovas alian francon kaj prezentas al li la saman demandon. La viro respondas: "Mi tre amas la judojn. Ili estas talentaj kaj diligentaj!"

La judo aliras trian viron kaj demandas lin: "Kion vi opinias pri la judoj?"

Respondas la franco: "Mi malamegas ilin, ĉiujn ilin!"

Tiam la judo diras al li: "Tre bone, sinjoro. Mi vidas ke vi estas honesta homo. Bonvolu do fari al mi komplezon kaj gardi miajn tekojn dum mi iros al la necesejo."

***juda anekdoto de Josef Shemer***

## REZOLUCIO

***de la 94-a Universala Kongreso de Esperanto***

*La 94-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Bjalistoko de 25-a de julio ĝis 1-a de aŭgusto 2009, kun partopreno de preskaŭ 2000 homoj el 63 landoj en la jaro de la 150-a datreveno de la naskiĝo de la kreinto de Esperanto, Lazar Ludwik Zamenhof, kaj samtempe en la Internacia Jaro de Akordiĝo proklamita de Unuiĝintaj Nacioj,*

***diskutinte*** la kongresan temon "Krei pacan ponton inter la popoloj: Zamenhof hodiaŭ", kaj studinte kun aparta atento la vivon kaj verkojn de Zamenhof,

***notinte*** la fakton, ke la urbo kaj regiono de Bjalistoko pli kaj pli rekonas la escepte gravan rolon, kiun Zamenhof ludis kaj daŭre ludas kiel monde rekonata figuro en la morala evoluo de la homaro,

***konsciante***, ke tiu rekono konkretiĝis interalie en la malfermo de Centro Zamenhof fare de la urbaj aŭtoritatoj de Bjalistoko, kaj en propono, ke la Bjalistoka Universitato ricevu la nomon Zamenhof;

***memorigante***, ke okaze de la 100-a datreveno de la naskiĝo de Lazar Ludwik Zamenhof Unesko rekonis lin kiel unu el la grandaj personecoj de la mondo, kaj ke tra la jaroj venis multaj similaj rekonoj pri la meritoj de Zamenhof kiel granda monda pensulo, kaj

***gratulante*** Unuiĝintajn Naciojn pro ĝiaj iniciatoj rilate al la ideo de akordiĝo, tiel esenca en mondo kiun dividas malakordoj pro antaŭjuĝoj kaj manko de toleremo,

***konstatas***, ke

1. Per la internacia lingvo Esperanto, Zamenhof kreis unike efikan ilon de internacia komunikado sur neŭtrala bazo, sen favori unu popolon super alia, kaj sen favori unu etnan lingvon super alia, kaj ke tra pli ol 120 jaroj da uzado Esperanto pruvis sian taŭgecon kiel internacia lingvo plene adaptebla kaj adaptita al ĉiuj komunikaj bezonoj.

2. Tamen, Zamenhof samtempe komprenis, ke lingvo estas kolektiva posedaĵo, kaj konfidis la evoluon de sia lingvo al ties komunumo de uzantoj, tiel ke Esperanto kaj ĝia kulturo fariĝis esence kreaĵo kolektiva, kiu evoluis en spirito de lingva demokrateco.

3. Tion farante, Zamenhof ankaŭ rekonis, ke utiligo de neŭtrala lingvo en la internaciaj rilatoj helpus konservi lokajn kaj regionajn lingvojn kaj kulturojn kaj la identecon de ties komunumoj.

4. Zamenhof ankaŭ signife kontribuis, per siaj verkoj kaj agoj, al klopodoj forigi la malamikecon inter la anoj de la diversaj religioj, al forigo de rasaj antaŭ-

juĝoj, kaj al rifuzo de milito kiel akceptebla maniero solvi disputojn – valoroj same gravaj en la nuna epoko kiel en la epoko de Zamenhof.

5. Sekve, Zamenhof plene meritas pli da atento ne nur kiel kreinto de lingvo, sed kiel persono, kiu strebis al aŭtenta frateco inter la homoj surbaze de plena kaj reciproka kompreniĝo.

6. Tia frateco povas veni nur kiam la homoj interkompreniĝas en reciproka respekto – procedo, en kiu Esperanto povas ludi kaj jam ludas unikan rolon.

7. Interkompreniĝo estas esenca paŝo al tiu profunda kaj daŭra akordiĝo, kiu estas la celata idealo de la Internacia Jaro de Akordiĝo.

8. Akordiĝo eblas nur en situacio, en kiu lingvaj diferencoj ne formas baron al egaleca dialogo.

9. En tiu senco Esperanto estas unike taŭga kiel bazo por daŭra akordiĝo, kaj Universala Esperanto-Asocio, per sia atento ankaŭ al moralaj valoroj kaj al respekto de homaj rajtoj, povas signife roli en plenumo de la celoj de la Internacia Jaro de Akordiĝo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO. RUSIO. 1887–2010

*subtenita de la Konsilio de REU 05.06.2009*

La laborgrupo pri historio de Esperanto-movado en Rusio kolektas informojn pri personoj, eventoj, objektoj, eldonaĵoj kaj ceteraj faktoj, ligitaj al Esperanto kaj E-movado en Rusio. Ankaŭ bonvenas analizaj artikoloj pri E-kulturo kaj fotoj.

Oni rajtas ĉerpi informojn el la plej diversaj fontoj: Interreto, enciklopedioj eldonitaj en kaj ekster Rusio. Certe, oni ne rajtas rompi la aŭtorrajtojn de la citataj verkintoj. La laborgrupo invitas al la kunlaboro vastajn rondojn de enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj. De viaj kontrubuoj dependos riĉeco kaj objektiveco de la onta Enciklopedio.

Al la volontuloj estos senditaj: a) listo de la artikoloj, pri kiuj jam estas kolektitaj informoj; b) listo de verkindaj artikoloj. Kontaktadreso de la komisiito de REU pri historio: ***Anatolo Sidorov****, 192242, Sankt-Peterburg, str. Belgradskaja, 10-3-27;* retadreso <anasido@gmail.com>.

## PROTOKOLO DE LA 24-A KONFERENCO DE REU

***La 16-an de majo 2009***

***Matena kunveno***

**1. Elekto de la konferencaj labororganoj.**

1.1. Al la Konferenco aliĝis anticipe 36 personoj, registriĝis 22 ĉeestaj delegitoj, plus 3 distancaj (retaj)[1].

1.2. Respondeculo pri registrado kaj mandatoj: Viktor Aroloviĉ (Moskvo) – elektita unuanime.

1.3. Protokolanto: Irina Mironova (Moskvo), asistas Miĥail Panfilov (Moskvo) – elektitaj unuanime.

[1] Poste registriĝis ankoraŭ 9 + 6 personoj, do entute partoprenis 31 + 9 = 40 delegitoj.

1.4. Kalkula komisiono: Valentin Seguru (Moskvo), Maksim Griŝin (Moskvo), Aleksandr Milner (Moskvo) – elektitaj unuanime.
1.5. Redakta komisiono: Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo), Jurij Karcev (Uljanovsk) – elektitaj unuanime.
1.6. Kunvengvidantoj: la 16-an matene Nikolaj Gudskov (Moskvo), posttagmeze Miĥail Ĉertilov (Odincovo); la 17-an matene V.Aroloviĉ, posttagmeze la novelektita Prezidanto de REU – elektitaj unuanime.

**2. Rajtigo de distancaj (retaj) konferencanoj.**
2.1. Voĉdono pri rajtigo: por – 22, kontraŭ – 2, sindetenoj – 3. Akceptita.
2.2. Voĉdono pri aldona rajtigo por novaj distancaj aliĝontoj dum la unua konferenca tago: por – 14, kontraŭ – 8, sindetenoj – 2. Akceptita.
2.3. Propono indiki en la protokolo aparte ĉeestajn kaj distancajn voĉojn: por – 14, kontraŭ – 5, sindetenoj – 4. Akceptita.

**3. Akcepto de la Tagordo.**
3.1. Propono de Ludmila Novikova (Moskvo) aldoni punkton pri likvido de REU: por – 14 (13+1)[1], kontraŭ – 10, sindetenoj – 7 (3+4). Ne akceptita.
3.2. Ĝenerala voĉdono pri la Tagordo: akceptita unuanime.

TAGORDO DE LA KONFERENCO:
1. Elekto de la konferencaj labororganoj.
2. Rajtigo de distancaj (retaj) konferencanoj.
3. Akcepto de la Tagordo.
4. Solena Malfermo de la Konferenco.
5. Raporto de la Estraro.
6. Raporto de la Kontrol-revizia Komisiono.
7. Diskuto pri la raportoj.
8. Konkludo pri la raportoj.
9. Raportoj de Komisiitoj.
10. Propono pri la nova strukturo de REU kaj ĝiaj gvidorganoj.
11. Akcepto de la Provizora Regularo pri la Konsilio de REU.
12. Proponado de kandidatoj por la Estraro.
13. Elekto de la Prezidanto de REU.
14. Elekto de la Estraro.
15. Elekto de la Kontrol-revizia Komisiono.
16. Aprobo de la konsisto de la Konsilio.
17. Elekto de Komisiitoj.
18. Diversaĵoj.
19. Akcepto de Decidoj.
20. Fermo de la Konferenco.

**4. Solena malfermo de la Konferenco.**

**5. Raporto de la Estraro.**

[1] Ĉi tie kaj sube, se estis distancaj (retaj) voĉoj, en krampoj estas skribite: ĉeestaj + distancaj voĉoj.

N.Gudskov informis, ke la raporto estas disdonita al la konferencanoj (publikigita en REGo № 2 (51), aprilo 2009, p. 19-22).

**6. Raporto de la Kontrol-revizia Komisiono.**
Gennadij Basov (Moskvo) prezentis la raporton de KRK (la raporto estas publikigita rete – <http://reu.ru/movado/KRK_raporto_2008_eo.html>).

**7. Diskuto pri la raportoj.**
Partoprenis N.Gudskov, G.Basov, L.Novikova, Valentin Melnikov (Moskvo), Roman Bolŝakov (Moskvo), A.Milner, Svetlana Smetanina (Moskvo), V.Seguru, V.Aroloviĉ, Georgij Kokolija (Moskvo), A.Ŝevĉenko, Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja) distance, Jelena Ŝevĉenko (Moskvo).

**8. Konkludo pri la raportoj.**
8.1. Propono taksi la laboron de la Estraro nekontentiga: por – 20 (18+2), kontraŭ – 2 (1+1), sindetenoj – 8. Akceptita.

***Posttagmeza kunveno***

8.2. Aprobo de la raporto de la Kontrol-revizia Komisiono – unuanime.

**9. Raportoj de Komisiitoj.**
Raportis V.Aroloviĉ – Komisiito pri dokumentado, Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin) – Komisiito pri kultura agado.

**10. Propono pri la nova strukturo de REU kaj ĝiaj gvidorganoj.**
10.1. M.Ĉertilov prezentis projekton de skemo, laŭ kiu parto de la estraraj funkcioj transiras al nova organo – Konsilio de REU.
10.2. En la diskuto partoprenis: Natalja Lisova (Moskvo), N.Gudskov, V.Melnikov, Irina Gonĉarova (Moskvo), A.Milner, M.Ĉertilov, J.Ŝevĉenko, Anatolij Surnakin (Moskvo), Vladimir Edelŝtejn (Moskvo), Aleksandr Belov (Tiĥvin), V.Seguru, S.Smetanina, M.Bronŝtejn, M.Griŝin, R.Bolŝakov, V.Aroloviĉ, A.Ŝevĉenko, G.Basov, L.Novikova, Vjaĉeslav Ivanov (Sankt-Peterburg) distance, Artjom Alimov (Krasnodar) distance.
10.3. Voĉdono pri la nova laborformo – Konsilio de REU: por – 17 (15+2), kontraŭ – 5 (4+1), sindetenoj – 8. Akceptita.

**11. Akcepto de la Provizora Regularo pri la Konsilio de REU.**
11.1. En la diskuto pri projekto de la Provizora Regularo partoprenis kaj proponis amendojn V.Aroloviĉ, I.Gonĉarova, N.Gudskov, A.Alimov distance, M.Ĉertilov, V.Seguru, L.Novikova, M.Griŝin, M.Bronŝtejn, S.Smetanina, J.Ŝevĉenko, J.Karcev, R.Bolŝakov.
11.2. Voĉdono pri la projekto kun amendoj: por – 21 (20+1), kontraŭ – 0, sindetenoj – 6 (5+1). Akceptita.

**12. Proponado de kandidatoj por la Estraro de REU**.
12.1. Por la posteno de la Prezidanto estas kandidatigitaj: 1) M.Ĉertilov, 2) J.Karcev, 3) S.Smetanina, 4) G.Basov, 5) Aleksandr Melnikov (Rostov-Don), 6) V.Seguru, 7) Aleksandr Blinov (Ĉeboksari), 8) R.Bolŝakov, 9) I.Gonĉarova, 10) M.Griŝin.

12.2. Konsentis kandidatiĝi M.Ĉertilov kaj V.Seguru.
12.3. Por la Estraro estas kandidatigitaj: 1) J.Karcev, 2) V.Seguru, 3) A.Blinov, 4) M.Griŝin, 5) I.Gonĉarova, 6) G.Kokolija, 7) N.Gudskov, 8) M.Ĉertilov, 9) R.Bolŝakov, 10) S.Smetanina, 11) V.Aroloviĉ, 12) A.Milner, 13) Aleksandr Osincev (Jekaterinburg), 14) V.Ivanov, 15) G.Basov, 16) L.Novikova.
12.4. Konsentis kandidatiĝi J.Karcev, V.Seguru, M.Ĉertilov.

*La 17-an de majo 2009*

***Matena kunveno***

12.5. Aldone konsentis kandidatiĝi R.Bolŝakov.

**13. Elekto de la Prezidanto de REU.**
13.1. M.Ĉertilov kaj V.Seguru prezentis siajn vidpunktojn pri taskoj de la Prezidanto kaj respondis demandojn.
13.2. Voĉdonilojn por sekreta voĉdonado ricevis 20 ĉeestaj delegitoj.
13.3. La kalkula komisiono anoncas rezultojn de la sekreta voĉdonado: M.Ĉertilov – 18, V.Seguru – 1, nevalida voĉdonilo – 1.
13.4. Rezultoj de distanca voĉdonado: M.Ĉertilov – 3, V.Seguru – 0, nevalidaj – 0.
13.5. M.Ĉertilov estas elektita kiel Prezidanto de REU.

**14. Elektoj de la Estraro.**
14.1. Bloka voĉdono por tri estraranoj: V.Seguru, J.Karcev, R.Bolŝakov – unuanime.
14.2. Voĉdono por elekti Vicprezidanton: por – 15, kontraŭ – 2, sindetenoj – 3. Akceptita.
14.3. Voĉdono pri kvanto de Vicprezidantoj: unu – 13 (12+1), tri – 8 (7+1), sindetenoj – 2. Estas akceptita la propono pri unu Vicprezidanto.
14.4. Konsentis kandidatiĝi V.Seguru.
14.5. Voĉdono: por – 15, kontraŭ – 2, sindetenoj – 3. V.Seguru estas elektita kiel Vicprezidanto de REU.

**15. Elekto de la Kontrol-revizia Komisiono.**
15.1. Por la prezidanto de KRK estas proponitaj: G.Basov, S.Smetanina, A.Surnakin, V.Melnikov, V.Aroloviĉ, M.Griŝin. Konsentis kandidatiĝi G.Basov kaj S.Smetanina.
15.2. Por membroj de KRK estas proponitaj: G.Basov, S.Smetanina, M.Griŝin, A.Surnakin, L.Novikova, N.Gudskov, A.Milner. Konsentis kandidatiĝi G.Basov, S.Smetanina, L.Novikova.
15.3. Voĉdono por la prezidanto de KRK: Basov – 16, Smetanina – 1, sindetenoj – 2. Estas elektita G.Basov.
15.4. Bloka voĉdono por elekti S.Smetanina kaj L.Novikova membroj de KRK: por – 14 (13+1), kontraŭ – 2, sindetenoj – 5 (4+1). Elektitaj.

**16. Aprobo de la konsisto de la Konsilio.**
16.1. Estas proponitaj: 1) A.Alimov – retaj projektoj, 2) A.Blinov – reprezento de Ĉuvaŝio kaj Mariio, 3) Gafur Gazizov (Baŝkirio) – propagando, 4) I.Gonĉarova –

Esperanto-klubo MASI, 5) Igorj Ĥomjakov (Tverj) – loka reprezento, 6) V.Ivanov – lingvaj festivaloj, 7) J.Karcev – reprezento de Uljanovska regiono, 8) Vladimir Minin (Tomsk) – retejo filolingvia.com, 9) A.Osincev – REJM, 10) Anatolij Sidorov (Sankt-Peterburg) – REK en Peterburgo kaj Enciklopedio pri E-historio en Rusio, 11) N.Gudskov – ĈALK, 12) S.Smetanina – instru-metodika kaj turisma agadoj, 13) M.Bronŝtejn – "Esperantaj metiejoj", 14) V.Melnikov – literaturo, 15) A.Ŝevĉenko – "Impeto".
16.2. Esprimis dubojn: V.Melnikov – pri G.Gazizov, I.Ĥomjakov, V.Minin; V.Seguru – pri A.Sidorov; A.Milner – pri V.Melnikov. En la diskuto ankaŭ partoprenis V.Ivanov distance, J.Ŝevĉenko, N.Gudskov, M.Ĉertilov, M.Griŝin, G.Basov, J.Karcev, V.Aroloviĉ, I.Gonĉarova, M.Bronŝtejn.

***Posttagmeza kunveno***

16.3. Apartaj voĉdonoj por dubindaj kandidatoj. A.Alimov: por – 3 (2+1), kontraŭ – 8, sindetenoj – 8, ne estas elektita. G.Gazizov: por – 1, kontraŭ – 14 (13+1), sindetenoj – 6, ne estas elektita. I.Ĥomjakov: por – 0, kontraŭ – 11, sindetenoj – 10 (9+1), ne estas elektita. V.Minin: por – 1, kontraŭ – 14 (13+1), sindetenoj – 6, ne estas elektita. A.Sidorov: por – 9 (8+1), kontraŭ – 2, sindetenoj – 10, ne estas elektita. V.Melnikov: por – 9 (7+2), kontraŭ – 4, sindetenoj – 9, ne estas elektita.
16.4. Voĉdono por la restinta listo (A.Blinov, I.Gonĉarova, V.Ivanov, J.Karcev, A.Osincev, N.Gudskov, S.Smetanina, M.Bronŝtejn, A.Ŝevĉenko): por – 21 (19+2), kontraŭ – 1, sindetenoj – 0. Estas aprobita.
16.5. Aldona propono: A.Melnikov – loka reprezento. Voĉdono: por – 19 , kontraŭ – 0, sindetenoj – 2. Elektita.

**17. Elekto de Komisiitoj.**
17.1. Estas proponitaj: V.Aroloviĉ – pri dokumentado, A.Alimov – pri reta subteno de Esperanto-projektoj.
17.2. Voĉdono: V.Aroloviĉ: por – 20 (19+1), kontraŭ – 0, sindetenoj – 1. Elektita. A.Alimov: por – 19, kontraŭ – 0, sindetenoj – 1. Elektita.

**18. Diversaĵoj.**
18.1. Estis diskutitaj proponoj pri:
alvoko al la rusia esperantistaro celebri la 150-jariĝon de L.Zamenhof;
letero al la registaro de Moskvo pri celebro de la 150-jariĝo de Zamenhof;
organizo de REK en la 2010-a jaro en Peterburgo;
letero al Rosstat lige kun la popolcenso en la 2010-a jaro;
fondaĵoj de Esperanto-projektoj;
subteno de Moskvaj Konferencoj de sciencistoj-esperantistoj;
kaj aliaj.
18.2. En la diskuto partoprenis: M.Griŝin, M.Ĉertilov, M.Bronŝtejn, V.Melnikov, I.Gonĉarova, V.Seguru, J.Karcev, N.Gudskov, R.Bolŝakov, A.Milner.

**19. Akcepto de Decidoj.**
19.1. J.Karcev legis projekton de la Decidoj (publikigitaj en REGo № 3 (52), junio 2009, p. 20).

